REDAKTA KOMITATO:
JULIO BAGHY, PAULO BALKÁNYI, KARLO BODÓ, KOLOMANO DE KALOCSAY, PAULO DE LENGYEL, DR$^{O}$ VINCENTO TÓTH, PAULO VARSÁNYI
RESPONDA REDAKTORO: DR$^{O}$ BÉLA RÁCZ DE KÖVESD L. K.

**NIA KUNLABORANTARO**

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H KRESTANOFF (PIRDOP), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (GENÈVE), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J JURYSTA (CZENSTOCHOVA), STANISLAW BRAUN LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI, STAN KAMARYT (BRATISLAVA), RUD. HROMADA (PRAHA)

**LA KVARA JARKOLEKTO ESTAS FINITA**

# NE FORGESU

*RENOVIGI VIAN ABONON POR LA KVINA!*

*ENHAVTABELO POR 1925 EN PROKSIMA NUMERO.*

## *ABONPREZOJ DE LITERATURA MONDO*

Por 1 jaro: 144.000. Hung. K.(2—2.10 dol. aŭ 8 ŝi. 5 p.)
„ 1/2 „ 72.000 „
„ 1/4 „ 45.000 „
aŭ egalvaloro en kia ajn mono transkalkulita laŭ kurzo de Zürich de l'pagotago.

Po ekzemplero: 12.000 hung. Kronoj + poŝtelspezo (enlande 10%, eksterlande 20% de la sumo).

Por libristoj 33 1/3% da rabato.

**PREZO: 12 MIL HUNGARAJ KRONOJ**

La abonoj komenciĝas de Januaro aŭ Julio. Sendu la abonsumon en rekomendita letero, per poŝtmandato (el Germanujo, Svisujo, Nederlando Austrio, Francujo k. t. p.), aŭ per banko por konto Nro 10876. de Hungara Esperanto Instituto ĉe Hung Reĝa Poŝtŝparkaso aŭ ĉe Hung. Ĝenerala Kreditbanko Budapest se tio ne estus ebla: al la naciaj reprezentantoj de

*LITERATURA MONDO*

## LETERKESTO

**Atentu! La adreso de Literatura Mondo.** Administrejo de L. M. (D-ro V. Tóth), Budapest, VI., Eötvös-utca 37, I. em. 9.

**Karaj geamikoj,** *okaze de la naskiĝo de mia fileto vi amase vizitis min perletere. Bondeziroj, gratuloj de sinceraj koroj superŝutis min kaj mi emociite vidis, ke mi vivas en via netakseble valora simpatio. Bedaŭrinde miaj cirkonstancoj ne permesas respondi aparte al ĉiu, kvankam volonte mi farus tion kaj pro tio mi petas indulgon, ke ĉi loke kaj publike mi esprimas koran dankon por la kortuŝa atentemo, per kiu vi honoris*

*vian sindonan samideanon*
*Julio Baghy.*

**Al multaj!** Multfoje ni ricevas leterojn, pri kiuj respondi ne ĉiam estas aktuale, ĉar la demandita afero jam solviĝis aŭ estas dum efektivigo, Ni petas, ke ne opiniu la silenton malĝentileco, sed konsideru la tro altan tarifon de nia poŝto. Tiuj elspezoj grave altigus nian deficiton. La respondkuponoj ne estas valorigeblaj en nia lando. Pri vere gravaj aŭ aktualaj demandoj ni respondos en la „Leterkesto" aŭ en diskretaj okazoj — private.

**Blondulino.** Iluzio, ĉio estas iluzio. Se vi vidus la „grandajn poetojn" hejme, tiam via iluzio fume forflugus. 1. Li havas familion kaj aspektas malgraŭ. La haroj — brunaj, okuloj same. Vere oni nomas lin „paĉjo." Terura homo. Ne volu koni lin! 2. En hospitalo. Harmonia animo. La haroj? Nu iom maldensiĝas, sed la koro estas infane juna. La okuloj brilaj pro bonkoreco. Ni vere ne scias, ĉu lia koro estas libera aŭ kaptita. 3. Pri via serioza demando jen la respondo: la homo estas perversa dio, kiu venkas sin por havi la gloron de venkinto aŭ pekas por ĝui la kortuŝan ĝojon de pardono. 4. Tio estas tro maldiskreta demando. Turnu vin rekte al li.

**D. W. k.** El via novelo ni publikigas tri frazojn. Ni pensas, ke ili sufiĉos por niaj legantoj. 1. Patres filo kovritas de polvo... 2. Iŝi ridis ĉe tables rando, kiam... 3. Se vij vizitus iliesn domon, laj najbaroj pensantus vijn kiel frenezajn... Sufiĉas! Konsilo: *fariĝu idisto!*

**M.G. Servmatrozo Egorov.** Ni tralegis tamen, dum ni ne havas sufiĉan lokon eĉ por la kompletaj artikoloj, ni ne povas publiki parton de romano aŭ novelo. Bonvolu sendi memstaran artikoklon, kaj ĝi nepre aperos.

**Oriento. J. V.** Ni povas recenzi nur tiujn verkojn kiujn oni alsendas en du ekzempleroj, ĉar unu ni devas doni al la recenzanto kaj la dua devas resti en la redakcia biblioteko. Interŝanĝe ni anoncos vian revuon, bonvolu sendi la tekston.

**E Eriksson Stockholm.** Ni multe dankas vian donacon kaj fidon. Se nur la duono de la esp-istoj pensus tiel, ni estus savitaj, sed, bedaŭrinde, ni devas sperti tago post tago la indiferentecon de la samideanoj. Ni ja povas grandioze prosperi, se ĉiu abonanto renovigus sian abonon en ĝusta tempo, se la reprezentantoj pagus ĉiam regule, se ĉiu akirus almenaŭ unu abonanton kaj kaptus ĉiun eblan okazon nin propagandi, ktp. ktp. Ni esperas ke en la estonto estos tiel.

# POST LA ŜIPPEREO

*POR „L. M." ORIGINALE VERKITA DE FAMA AMERIKA VERKISTO*

**J. U. GIESY**





a floso trempiĝis kaj dekurbiĝis super la ondegoj. Sur ĝi sidis Farley kiu elrigardis nevidante trans la malluman akvon, sed malantaŭ liaj okuloj lia cerbo estis plena de ĝenita penso.

Estis terura situacio. La tifono atakis la Filipinan pakboaton, sur kiu Farley vojaĝis, kiel oficiro en la armeo Usona, pro du jara komisio de deĵorado sur la insuloj. Ĥaoso sekvis. La aero estis plena de la muĝegoj de la elementoj, la malbenoj de viroj, kaj la plendemaj plorpetoj de virinoj. La granda ŝipo ŝanceliĝis morte vundita, viktimo de la tifono, kompatinda ekzemplo de la malforteco ankoraŭ propra al la faroj de homaj manoj. Savboatoj estis pretigitaj kaj rapide plenigitaj, kaj aŭ forsenditaj aŭ defrakasitaj, ĝis fine restis neniom da ili. Farley sin detenis ĝis la lasta savboato foriris; pro tio li trovis la junulinon kaj ŝian servistinon. Li jam rimarkis ŝin pro ŝia fleksiĝema, blonda beleco antaŭ tagoj kiam ŝi promenis sur la ferdeko. Li ne sciis ŝian nomon, sed li aŭdis paroli kaj sciis, ke ŝi kaj ŝia servistino estas francinoj.

Juna kaj ruĝsanga, kiel soldato devus esti, li opiniis ŝin tute bela kaj admiris ŝin de malproksime, ĝis hodiaŭa nokto, kaj hodiaŭ nokte li trovis ŝin kun ŝia servistino kunpremataj, larĝokulaj kaj blankvizaĝaj, en parte ŝirmita angulo de la ferdeko de la funden iranta ŝipo.

Ŝia beleco, ŝia juneco, ŝia senpoveco trege impresis lin, li jam sciis, ke la ŝipo nepre estas subakviĝanta, plene komprenis, ke estas preskaŭ nenia ŝanco ke li forlasu la kripligitan ŝipon. Tamen jen, en la persono de ĉi tiu nekonata, kun streĉitaj lipoj junulino, li sentis la alproksimiĝon de neimagebla perdo.

„Venu", li diris kaj kaptis ŝian manradikon kun la espero, ke ŝi komprenos la agon, se ne la vorton, kaj tion ŝi ŝajne komprenis. Li kondukis ŝin laŭ la kliniĝanta ferdeko, kaj kune ili trovis la savfloson, iel nerimarkitan pro la konfuzo. Li helpis ŝin sur ĝin, kaj ankaŭ la servistinon, tiam rapide tranĉis la ligŝnurojn, liberigante la savfloson. Li rampis flanken de la virinoj, kaj kun ili atendis ĝis la granda ŝipo tute enprofundiĝos en la tumultan akvon; ĉi tio estis ilia sola ŝanco de savo.

Al la savfloso jam venis aliaj, serĉantaj lastan rimedon por la savo de neevitebla sorto. Germano, dika kaj blonda, Italo, Greko, kaj fine oblikvokula Ĥino kun flegma, flava vizaĝo. Observante la junulinon, Farley sentis inklinon kontraŭstari ilin, pro timo, ke ili malpliigus ŝian ŝancon por savo, sed li ne rifuzis. Ankaŭ ili estas homoj li rememorgis al si. Do li sidigis sin apud la junulino kaj permesis al ili troi lokon, ĉiu por si. Ili alkroĉiĝis simile al barnakloj al la objekto el kavaj cilindroj kaj tabuloj, ĝis fine ĝi ruliĝis en la akvokirlon kaŭzitan de la subita subakviĝo de la granda ŝipo, kaj tiam la floso surnaĝis libere, eta ero sur la senlima maro sulkigita de ondoj, laŭ la kaprico de la ventego.

De tiam ili nur vagnaĝis. Estis nenio alia kion ili povus fari, laŭ la opinio de Farley. Troviĝis skatolo plena de ŝip biskvitoj, kaj bareleto da akvo sur la savfloso. Farley jam kondukis la junulinon kaj ŝian servistinon en la ridindan ŝirmon kiun li povis provizi. La germano, la greko kaj italo metis sin en kiel eble komfortaj pozicioj. La ĥino sidis silenta kaj kruckrura, simila al idolo.

Farley sidis kun interplektitaj manoj ĉirkaŭ la genuoj. Li estis malsekega, kiel estis ankaŭ liaj kunuloj. Sed baldaŭ, malgraŭ la bedaŭrinda situacio, rideto malrapide videbliĝis ĉe la anguloj de lia buŝo. Io en la nuna katastrofo ekscitis la ennaskitan senton de humoro ankoraŭ en lia naturo, li mem voĉigis ĝin: „Belega situacio, mi nomas ĝin. Sep el ni nun sur floso meze de la Pacifika Oceano, kaj nur la virinoj parolas la saman lingvon — pri tio mi estas certa. Vera babela afero je malgranda skalo. Bona Sinjoro!"

Farley sentis, ke la ĥino turnis la kapon kaj tiam li komprenis, ke li voĉigis siajn pensojn laŭte.

„Babelo" ja estis la ĝusta vorto. Farley gorĝridis. La servistino plendeme ploretis pro malkomforto, kaj ĝemetis mallaŭte. Farley sulkigis la brovojn.

Poste malforta, griza lumo aperis en la oriento, malrapide ĝi fortiĝis kaj baldaŭ alprenis sur sin flavan nuancon. Ektagiĝo! Farley turnis la okulojn al la malsekegaj figuroj dissternitaj sur la malsekegaj tabuloj. La germano kuŝis kun vizaĝo kontraŭ la kvazaŭa planko, sendube li endormiĝis. La junulino jam tiris la kapon de sia servistino al sia ŝultro. Farley rimarkis, ke la okuloj de la junulino estas senbrilaj en la blanka, streĉita masko de ŝia vizaĝo. La greko kaj italo fikse rigardis al la kreskanta lumo. La brunaj okuloj de la ĥino estis strange brilaj malantaŭ la ovalaj palpebroj. Kaj tiam Farley ekstariĝis kun kriego.

Malproksime, tre malproksime io plumeca — nur retdesegno de plumoj agitataj de la vento en silueto trans la moviĝanta akvo elstaris kontraŭ la briliĝanta oriento.

Palmo — aro da palmoj, sugesteto de tero, de atolo, eble insulo! Farley levis brakon kaj montris al ĝi.

La italo ŝanceliĝis dum li stariĝis, levis la manon pro ĝojo kaj kriis per kraketa voĉo: *„Gracie a Dio!"* La junulino turnis la okulojn. Farley kliniĝis kaj helpis ŝin stariĝi. Ŝi rigardis al la malproksimaj palmoj, kaj nuanco da koloro venis en ŝiajn vangojn. La ĥino ne moviĝis. Sed Farley renkontis lian ekrigardon kaj la orientulo ridetis kaj turnis la okulojn ne al la palmoj sed al la germano kiu evidente vekiĝis, kaj penis malfermi la bareleton da akvo.

Farley grumblis profunde, komprenante, etendis la brakon kaj ekkaptis la viron ĉe la kolumo de lia sal-trempita jako kaj ŝovis lin for de la akvujo kaj laŭ la glitigaj tabuloj de la floso.

Tiel la viro sciiĝis pri la graveco de la akvujo kaj ĝia enhavo.

Farley ridetis. Tiuj malrapide kreskantaj palmaj branĉetoj donis al li senton de renovigita konfido. Kiel sperta viro povas, en okazo urĝa, Farley prenis sur sin la direktadon de la afero, kaj li havis revolveron en la poŝo, li permesis al la viroj vidi ĝin. Tiam, ĉar tero estis preskaŭ en vido, li ne plu estis multe ĝenata. Li malfermis la skatolon da ŝipbiskvitoj kaj la bareleton da malfreŝa akvo kaj disdonis malabundan mantenmanĝon, servante unue la junulinon kaj ŝian servistinon por ekzemplo de etiketo.

La palmoj alproksimiĝis pli kaj pli pro la malrapida naĝado de la floso. Sub ili estis la komenco de malalta bordo kun sia kremá ondŝaumo. Tiam malrapide venis al malklara vido la elstarantaj palmoj, kaj poste aperis la malalta vegetaĵo. Fine ili vidis veran havenon. Ho ĝojo, sablan marbordon! Al ĝi la vojaĝantoj streĉis la okulojn, parolante malmulte. Ĉar same kiel la idoj de Babelo, kiel Farley refoje trovis sin fantazie pensanta, ili havis komunan deziron, tamen nenian komunan rimedon por esprimi sian komunan esperon.

Tamen post horoj la floso vagnaĝis mallonge en la ondetoj, kaj fine venis al tero en malprofunda akvo. Farley kaj la germano eksaltis en la akvon. La ĥino sekvis. La greko kaj la italo aldonis sian helpon. Kune ili trenis la pezaĉan floson al la bordo kaj helpis la du virinojn al la tero. Per signoj Farley devigis la virojn helpi lin treni la floson tute sur la bordon preter la atingo de la akvo, nur kiam tio estis farita li rektiĝis kaj renkontis la ekrigardojn de siaj kunuloj.

„Nu!" li tiam diris: „jen ni estas!"

Tio estis memevidenta fakto, sed la vortoj ŝajne komunikis nenian signifon al la aliaj. Ili fikse rigardis mute, ĝis la italo fine decidis paroli. *„Sinjori!“* li ekkriis kaj batis sian bruston, komencante per fluego da lingvo, kiun li fine haltigis per malaproba svingo de la manoj.

Farley balancis la kapon kaj ridetis. „Tute kredebla, viaj gestoj estas signifoplenaj kvankam ne kompreneblaj“, li diris. „Sed mi ne povas kompreni pri kio vi parolas.“

Ŝajne la italo akceptis la respondon kiel peton por ripeto. Li rekomencis frenezan svingon de siaj ambaŭ manoj, kaj levetadon de ŝultroj, kune kun montrado de dentoj, ĝis tuta perdo de spiro rezultis pro la gimnastiko.

Farley skuis la kapon, kaj fikse rigardis, la germanon, kiu palpe serĉadis sian pipon kaj ladan skatolon da malseketa tabako. „Kia estas la vorto kiun mi bezonas?“ li demandis sin. *„Sprech“, „sprechen?“* Jes, tia estas ĝi. *„Sprechen Sie English!“* li fine proponis lamantan demandon.

*„Nein,“* respondis la germano kaj eltiris alumeton el akvorezista skatoleto.

Farley sin turnis al la junulino, ne malproksime de la grupo da viroj. *„Parlez vous anglais, Mademoiselle?“* li demandis, farante uzon de unu el la nemultaj francaj frazoj kiujn li havis en sia memoro.

Ŝiaj lipoj kuntiriĝis spasme, tiam grade prenis sur sin etan — tre etan rideton. *„Non, Monsieur,“* ŝi respondis per dolĉa kontralta voĉo.

Farley ekrigardis al la servistino. Ŝi estis ploranta denove. Li ĵuris subvoĉe kaj ekturniĝis je la sono de ekscitita ekkrio.

*„Corpo di Cristo!“* La italo kontraŭstaris la grekon, kaj la greko kolere rigardegis en la okulojn de la italo, kies mano estis malrapide rampanta supren al la malfermata brusto de lia vesto.

*„Bitte!“* La germano puŝis sin en la situacion. Per fortega mano li ekkaptis la ekscititajn batalantojn kaj disĵetis ilin tiel fortege, ke ili falis sternite sur la plankon. Ne ĝenante sin eĉ por forigi sian pipon li marŝis trankvile al la akvujo sur la floso kaj prenis trinkon da akvo.

Farley ne kontraŭis lin. Sendube estas akvo ie sur la insulo, kaj lia ĉefa deziro je tiu momento estis eviti pluan malpacon, se eble. La aferoj estis jam sufiĉe malbonaj. Se la malkontentuloj nur povus kompreni unu la alian — se ili nur povus interparoli pri la situacio en kiu ili trovas sin! Li ekrigardis ĉirkaŭen. Sed la palmoj, la ĉielo, la murmurantaj ondoj ĉe la bordo donis al li malmulton da konsolo.

„Kia absurda miksajo,“ li grumblis rikane.

„Sufiĉe da konfuzo de lingvoj, ĉu ne, Sinjoro? Kiel vi mem diris sur la floso lastan nokton.“

Farley konsterniĝis. Estis la ĥino kiu parolis, kaj en la angla lingvo tiel facile flua, kiel estis lia propra. Kaj nun, same kiel antaŭe je tagiĝo, li milde ridetis kiam Farley rigardis en liajn brunajn okulojn.

„Vera Babelo“, li daŭrigis. Vi eble rememoras la citajon el la libro „Genezo“: Jen estas unu popolo, kaj unu lingvon ili ĉiuj havas; kaj jen, kion ili komencis fari, kaj ili ne estos malhelpataj en ĉio, kion ili decidis fari. Ni malleviĝu do kaj ni konfuzu tie ilian lingvon, ke unu ne komprenu la parolon de alia.“ De tiam venas malkompreno kaj malpaco sur la homa gento.“

„Miregiga!“ Farley ekkriis. La viro citas bibliajn versojn al mi en mia propra lingvo.“

„Kial ne? Mi estas diplomito de Harvada Universitato,“ diris la orientulo, ree kun rideto sur liaj lipoj.

„Efektive!“ Farley spiris profunde. Tuj li sentis sin strange feliĉa, strange malŝarĝita — „Pro ĉielo, helpu min devigi, ke ĉi tiu aro faru ion alian al grumbli unu al la alia, kaj montru iom da saĝo kaj intenco labori kune por nia savo“.

„Ĉu ili povas kompreni mian anglan pli bone ol ili komprenas vian, Sinjoro?“ demandis la maldiklipa filo de la flava gento.

„Peston!“ Farley ĝemis. „Vi estas prava. Mia propra lingvo sonis tiel bone al mi, ke mi forgesis la fakton, ke ili ne povas kompreni du pli bone ol unu el ni. Sed ni estas ĉi tie kaj verŝajne ni devos resti ĉi tie dum longa tempo, kaj kune ni devos labori. Ne forgesu, ke ni havas du virinojn por prizorgi, kaj —“

„Mi komprenas,!“ la serena filo de Hinujo konsentis, klinante la kapon.

„Vi komprenas la situacion. Ĉu vi havas ion proponi?“

„En la komenco, mia nomo estas Ah Wu,“ diris la hino. Kaj via —“

„Farley.“

Ah Wu klinis la kapon. „La embaraso rilate al ĉi tiu grupo el diversaj nacioj, Sinjoro Farley, estas, ke dum la konfuzo de la bedaŭrinda okazo de la hieraŭa nokto, ili venis sencele al la floso. La rezulto estas, ke car ĉiu parolas malsaman lingvon, tial ili ne povas atingi reciprokan komprenadon. La logika konkludo ŝajnas esti la alprenado de komuna rimedo de interkomunikajo, tia internacia lingvo, kian ili ĉiuj povus paroli.“

Farley kuntiris la brovojn. „Ĝuste tie kuŝas la malfacilaĵo,“ li kontraŭis. „Ili nun ĉiuj povas paroli, sed ĉiu homo el ili parolas malsame. Mi ne povas kompreni, kiel via propono helpas.“

„Ankoraŭ ne,“ diris Ah Wu milde. „Eĉ nun vi ne komprenas mian precizan intencon. Mi proponas la alprenon de tia komuna lingvo, kiu estas la lingvo internacia, Sinjoro Farley.“

„Kia ajn tio estas?“ Farley ĝemetis. Evidente Ah Wu havis ion gravan por klarigi, sed li ne sciis kion.

La esprimon „Internacia Lingvo,“ Ah Wu tradukis, jene: *„Esperanto.“*

„Esperanto!“ Farley ripetis la vorton, iom eksitite. „Mi jam aŭdis pri tiu proponata helpa lingvo. Nun mi komprenas. Via propono estas, ke ni faru uzon de la turo de Babela epizodo, sed, ke ni kvazaŭ renversu ĝin.“

„Babelo renversata ne estas tute malbona klarigo de mia propono,“ Ah Wu konsentis. „Mi hieraŭ nokte subaŭdis viajn dirojn al vi men pri la situacio, kiel vi scias, kaj de tiam mi ĝin konsideras.“

„Sed ĉu ĉi tiu aro akceptos vian proponon?“ Farley fikse rigardis la germanon, flegme fumantan, la italon kaj grekon malamike rigardantajn unu la alian, la du junulinojn kiuj nun sidis malĝoje ĉe la rando de la floso.

„Ni sciiĝu,“ Ah Wu respondis lakone. „Okaze, Sinjoro Farley, mi vojaĝis iom en diversaj landoj, kaj mi scias sufiĉe el la franca, germana kaj itala lingvoj por esti almenaŭ komprenata.“

„La diablo! Se tio estas vera, kiel utilos al ni fari penon lerni la lingvon Esperantan?“

„Reciproka kontentiĝo,“ ree la lipoj de Ah Wu ektremetis. „La studado de la lingvo Esperanta nepre estus tre interesa eksperimento. Paroli per interpretanto ne estas ĉiam tute kontentiga, Sinjoro Farley. Supozu, ke vi dezirus paroli kun la eta franca junulino — ĉu vi dezirus ĉiam havi interpretanton apude? Krom tio“ — li daŭrigis post paŭzo sufiĉe longa por montri, ke li ne estas senkonscia pri la intereso de Farley rilate al la franca junulino — „mi ĵus finis kurson pri la lingvo Esperanto por uzado en Ĥinujo, kie ni tre bezonas helpan lingvon, kaj la oportuna okazo por mi instrui la lingvon al tiuj ĉirkaŭ mi ŝajnas tro bona por malatenti.“

„Vi ja estas oportunisto.“ La tono de Farley estis admira.

La brunaj okuloj de Ah Wu trembrilis. Li sin turnis al la aliaj forĵetitoj, kaj alparolis la germanon.

La germano gruntis. Lia makzelo rigidiĝis, li preskaŭ faligis la pipon. *„Teufel!“* li murmuregis en gorĝa mirego, kaj alproksimiĝis.

Laŭvice Ah Wu alvokis la du virinojn kaj la italon al li. Scivolo instigis la grekon. Ili grupigis sin antaŭ li sur la sablo. Ah Wu tuj komencis instrui ilin, uzante direktan metodon.

Li montris al la palmoj, „Arboj,“ li diris kaj atendis ĝis ili imitis la sonon. „Mano,“ li skuis la manon antaŭ ili. Li marŝis, kaj kuris, kaj nomis la vorton de ĉiu ago. Li

montris al ilia vestaro kaj nomis ĉiun veston: al la floso, al la maro, al kapo kaj piedoj.

Je la fino de la leciono Farley skizis planon de ago, kiun Ah Wu tradukis kiel eble plej bone. Antaŭ noktiĝo la italo trovis fonton de la plej pura akvo, la germano kolektis amason da ligno por bruligi, kaj Farley, kun la helpo de Ah Wu konstruis provizoran ŝirmon por la virinoj. Tiam li konstruis fajrujon, super kiu la greko, uzante grandegan konkon, kuiris per vaporo mitulojn, kiujn la junulinoj trovis laŭ la marbordo.

Tagoj pasis. Ili vivis kaj lernis. Ili sin nutris per la ŝipbiskvitoj kiujn Farley disdonetis, per mituloj kaj tiaj manĝeblaj radikoj, kiajn la insulo provizis. Sed ili vivadis, kaj pli kaj pli povis fari uzon de la nova lingvo, pro tio ke Ah Wu rifuzis traduki, escepte kiam la bezono estis urĝa, do se ili deziris paroli inter si ili devis uzi la komunan lingvon. Kaj el ĉiuj lernantoj Farley estis la plej entuziasma de la komenco. Ne nur li deziris fariĝi komprenebla al liaj kunulaj forjetitoj ĉiam al ĉiu kaj ĉiuj, sed precipe li deziris esti komprenata de la bela junulino kun brunaj okuloj kaj blondaj haroj, de tiu eta „cindra blondo" kiel la francaj virinoj nomas la virinojn de ŝia tipo. Ŝi estis aloga al li la unuan fojon kiam li vidis ŝin. Ŝi allogis lin pli kaj pli dum ĉiu malrapide pasanta tago sur la insulo. Ŝi estis kuraĝa. Ŝi neniam plendis. Li amis ŝin, tion li konfesis al si. Ĉiel li penis montri al ŝi, ke li estas viktimo de la eta dio Amo; kaj li preskaŭ kredis, ke ŝi komprenas. Iafoje li estis certa ke li legas komprenadon en ŝiaj brunaj okuloj. Sed li sentis ankaŭ, ke por pli plena komprenado vortoj estus granda helpo. Inspirite de amo, li kaŭzis la konstruon de barako tegmentitan de palmaj folioj por la uzo de la junulinoj. La germano teksis kurtenojn el palmaj fibroj kaj branĉetoj por ĝia pordo kaj fenestroj. Farley iel konstruis seĝojn el ligno disŝirita de la floso. La greko iris en la pli profundan parton de la insulo kaj revenis kun maldikaj stangoj el kiuj li formis litojn, interlaĉitajn de flekseblaj kreskaĵoj. Post nelonge Farley trovis sin tiel volonte helpata pri ĉiuj liaj farajoj por la komforto de la du junulinoj, ke lia suspekto vekiĝis. La entuziasma penado de tiuj viroj povus deveni nur el unu fonto, ilia amo al la franca junulino, tia estis lia konkludo. La penso treege maltrankviligis lin.

Sekve de tio unu vesperon li parolis al Ah Wu dum ili promenis laŭ la marbordo.

„Efektive, Ah Wu, vi forgesis ion pri ĉi tiu nova lingvo."

„Jes?" la respondo de la orientulo estis demando.

Farley kapojesis, kaj tiam abrupte demandis la demandon plej gravan al li. „Kia estas la vorto por — *amo?*"

Dum momento Ah Wu faris nenian respondon, sed poste li demandis per milda sugesta voĉo. „Ĉu estas frateca amo kiun vi deziras, ke mi instruu al niaj kunaj forjetitoj, S-ro Farley?"

„Frateca?" La respondo de Farley estis forta. „Ne estu stultulo, Ah Wu."

Ah Wu subridis. „Mi esperas, S-ro Farley, ke tio mi ne estas. Amo, same kiel Esperanto, estas lingvo internacia Mi rimarkis, ke vi interesiĝis pri ambaŭ. Por tiu ĉi lasta, tamen, la vorto estas simila al la latina. *„Amas"* estas la verbo en la tempo estanta. *„Mi* kaj *Vi,"* estas pronomoj. „Mi amas vin," mi opinias estas, la frazo kiun vi deziras. Tiu egalas la anglan esprimon, *„I love you."* Tian frazon virinoj facile komprenas — kaj ĝi iom similas la francan lingvon."

„Dankon," Farley diris iom rigide.

Ah Wu ridetis. „Pasante, nia germana amiko petis la saman informon antaŭ unu aŭ du tagoj. Mi okaze renkontis lin kiam li estis entrancanta la formon de ĝemelaj koroj sur palma arbo. Estas stranga fakto, ke nia greka amiko ankaŭ petis tiun saman informon hodiaŭ, „li aldonis, formarŝante laŭ la marbordo.

Farley sidiĝis sur la sablon kaj rigardis trans la senliman etendajon de lunhelaj ondoj. Amo estas lingvo universala, kaj la germano entranĉas la formojn de ĝemelaj koroj sur la palmaj arboj. *„Mi amas vin,"* estis la vortoj, kiujn Ah Wu proponis. *„Mi amas vin — Mi amas vin,"* li ripetis fojon post fojo, kaj kuntiris la brovojn. Entranĉi la formon de koro sur arboj estis tute nature por germano. Liaj samlandanoj estas fame konataj dum jaroj kiel spertuloj pri skulptarto. La eta blondulino estis mirinda — tiel mirinda kiel — pli mirinda ol ĉio, kio iam eniris lian vivon. Eĉ en la ĉifonitaj restajoj de siaj vestoj, fariĝante pli ĉifonitaj ĉiutage, ŝi ankoraŭ estis bela — kun la beleco de virineco kaj juneco. Li stariĝis kaj sekvis la piedsignojn de Ah Wu. Li amis ŝin — amas ŝin. *„Mi amas vin — vi karulino,"* li rediris al si, kaj tiam ekhaltis.

Antaŭ li, en kavaĵo de la sablo videbliĝis viro kaj virino la germano kaj la beleta juna servistino de la blondulino. Ili flustris unu al la alia, lia brako estis ĉirkaŭ ŝia talio, lia ŝultro estis ŝia kapkuseno.

Farley ŝtele deflankiĝis, poste li ridetis. Amo vere estas lingvo universala kiel diris Ah Wu.

Je la sekvinta tago la greko kaptis grandegan ĥelonion kaj fiere trenis ĝin en la kamploĝejon. Ĝi provizis pli aŭ malpli epikuran festenon por la forjetitoj tiun vesperon, kaj ĉiu laŭdis la sukceson de la greko, ĉiu escepte de Farley, kiu foriris kaj malbonhumore vagis laŭ la marbordo.

Vivo necese fariĝis pli aŭ malpli primitiva sur la insulo kun la pasantaj tagoj. Farley konstante pensanta pri la komforto de la junulino kiun li amis, grade alprenis al si, almenaŭ mense, la posedan karakterecon de la primitiva viro pri la virino kiun li elektis. Tial, kiam la greko kaptis la ĥelonion, tiu ago fariĝis al Farley ne nur la ago de viro provizanta nutrajon por aro da kunhomoj, sed la ago de rivalo, portante hejmen la ĉasajon por jeti ĝin ĉe la piedoj de la virino al kiu li sopiris. Kompreneble tia penso estis malsaĝa. Estas ja vere, ke homo, eĉ la plej civilizata, forĵetas la surlamenon de civilizado, kiam li trovas sin en primitiva situacio kaj devas eltordi el la naturo per siaj propraj manoj la rimedon per kiu li vivos kaj plenumos la primitivajn dezirojn de vivado.

En la primitiva ekzisto la primitivaj necesoj fariĝas la plej gravaj; nutraĵo, ŝirmo — sed la kunpariĝa instinkto superregas ĉion alian. Do Farley komprenis, ke la greko dum la tuta tempo egalis ĉiujn penojn liajn proprajn por gajni la favoron de la virino, kiun. li ne plu dubis, ili ambaŭ esperis gajni.

Se Farley konstruis barakon, la lerta greko faris pordon por privateco kaj defendo. Se Farley provizis ĝin per seĝoj, la ruza greko tuj meblis ĝin per litoj. Nutrajo fariĝis problemo malfacile solvebla, kaj la greko kaptis ĥelonion — karnon — la nutrajon kiun la primitiva homo ŝajne avidas. Pro sia sukceso la greko akiris aprobon, dum almenaŭ kelka tempo. Kio sekvos Farley ne povis diveni. Ree li kuntiris la brovojn, kaj ekhaltis pro subita penso. Estis metalo sur la savfloso; eble li povus formi el iom da ĝi fiŝhokojn kaj kapti fiŝojn, per tio li certigos provizon de la dezirita karna nutraĵo, kaj superas la bonŝancan kapton de la ĥelonio. Stultulo li opiniis sin, ke li ne antaŭe pensis pri ĝi. Sed morgaŭ li faros provon, sen plua konsiderado li ekiris al la barako.

La luno jam leviĝis kaj Farley povis rigardi al la junulino per ĝia blanka lumo, observi ĝian molan ludon tra ŝiaj delikate silkaj haroj kiuj formis kvazaŭan nimbon, kronon de gloro ĉirkaŭ ŝia belforma kapo. Li akcelis siajn paŝojn, supreniris monteton el sablo kaj ekhaltis.

Antaŭ li la eta blondulino sidis kun la lunlumo ĉirkaŭ si, kaj genuante apud ŝi lia rivalo estis elverŝanta sian amon per miksaĵo de sia propra lingvo, signa lingvo, kaj ankaŭ Esperanto:

„Komprenas, Fraŭlino? Mi — min — amas. — Mi min — amas — Mi amas . . ."

Tiam Farley aŭdis kaj li ridetis. La greko ja konfuzis siajn pronomojn kvankam li evidente penis diri, ke li amas ŝin.

Farley tuj antaŭen iris kaj ree haltis. „Kiel utilas diri al Fraŭlino Montjean, ke vi amas *vin?"* li rikanis. „Neniu

dubas pri tio. Ni volonte konfesas tion. Sed kial malŝpari ĉarman lunlumon por atentigi ŝin pri la fakto ?“

Farley neniam sciis kion la greko komprenis. Sed li respondis per la signa lingvo, rapide kaj forte. Li eksaltis surpieden kaj kontraŭis Farley, sian rivalon. En la daŭro de momento ili fikse rigardis unu la alian. Tiam Farley diris: „Nun foriru — Iru por kapti ĥelonion! Iru!“

Iomete la bela, altkreska greko hezitis. Dum momento la situacio estis streĉita. Tiel en aliaj primitivaj scenoj du viroj eble kontraŭis unu la alian dum virino alrigardis. Tiam post plua penado pri korpa rezisto, la rivalo de Farley rigide klinis la kapon al la junulino kaj formarŝis, malame rigardante.

Farley sin turnis al ŝi kaj ridetis. Ŝi ne moviĝis, sed li renkontis ŝiajn okulojn kaj trovis ilin malhelaj, ankaŭ li vidis ŝiajn lipojn termeti, senprokraste li sidigis sin ĉe ŝia flanko.

„Vi — ne — amas — tiun viron, ĉu vi?“ li malrapide kaj malfacile balbutis en la nova akirita lingvo.

„Efektive ne, Sinjoro Farley,“ ŝi malkaŝe respondis.

Farley balancis la kapon, li sentis grandan malŝarĝon. „Nu mi atentos, ke li ne — ĝenos vin — denove.“

„Ho, efektive — vi ne bezonas atenti lin,“ ŝi diris modeste, „mi kutimas — al tiaj aferoj.“

Farley konfuziĝis kaj rigardis rekte al la maro, tute konscia, ke ŝi estas efektive ridetanta — ekscite konscia pri ŝia apudeco, ĝia frenezigado, ĝia ekscitanta allogeco tie sur la lunhela marbordo. Poste li kvazaŭ prenis folion el la libro de lia germana amiko; li ekprenis pecon da rompita ŝelo kaj komencis desegni sur la arĝenta sablo la formon de du koroj. En unu li skribis la vorton, „Mi,“ kaj en la alia la vorton, „Vi,“ poste li desegnis sagon penetrantan ambaŭ. Tiam li rigardis en la okulojn de Fraŭlino Montjean kaj denove trovis komprenadon

„Beleta penso, ĉu ne?“ diris Farley.

„Jes — sed la — desegnado estas malbone farita.“ ŝi ridis.

Kompreneble estis la kulpo de la luno. Farley rigardis al tiuj ridantaj lipoj, tiam la luno freneziĝis lin, kaj sen averto li kisis ilin, tirante ŝin al li per brakoj kiuj vibris streĉe, sentante ĝian cedeman molecon kaj virinan dolĉecon.

„Julieto,“ li flustris — *„I love you,“* mi intencas, „Mi amas vin, amas vin — kaj — se mia — rivalo — ne bone — kondukos — mi rompos al li — la kolon — pro — mia jaluzo.“

Tial estis eble bonŝance, ke aferoj finiĝis tre rapide post tiu nokto, antaŭ ol Farley kaj lia rivalo povus havi malagrablan renkonton.

Okazis, ke postvivantoj en la savboatoj de la ŝipo estis trovitaj kaj ili rakontis pri la ŝippereo, pro tio ĉiuj ŝipoj en tiu regiono zorge serĉis pri aliaj forjetitoj de la malfeliĉa ŝipo. Do post kelke da tagoj ŝipo forprenis ilin de la insulo kaj refoje ili trovis sin sur ferdeko.

Denove Farley sidis kaj observis la junulinon kiun li amis. Sed nun ŝi ne marŝis, ŝi sidis en seĝo tirita tre proksime al lia propra, kaj kvankam Farley ankoraŭ ne sciis la francan lingvon, kaj ŝi tute ne sciis la anglan lingvon, ili interparolis pri — amo, per la helpo de la lingvo internacia.

„Mi amas vin,“ li flustris sopire, rigardante en ŝiajn okulojn.

Ŝi turnis al li la vizaĝon, dum ŝiaj lipoj disiĝis. „Mi ankaŭ amas vin, mia kara,“ ŝi murmuris. Ĉar nun estis komprenado inter ili, kaj la eta blondulino jam promesis fariĝi la edzino de soldato.

„Ankaŭ mi amas vin, mia karulino.“ Liaj amvortoj travibris kaj ĝojigis ŝin. Li etendis la brakon, trovis ŝian manon kaj tenis ĝin, ĝis fine li malrapide kaj kun nuanco de respektego levis ĝin al siaj lipoj.

Mallaŭta voĉo interrompis iliajn revojn : „En la okazo, se vi bezonos interpretanton, Sinjoro Farley — aŭ eble vi jam trovis pli malnovan lingvon universalan ?“

Tiu estis la ĥino kaj li parolis angle, poste subite li malaperis en la tropikan krepuskon.

El la angla : *Eduardo S. Payson.*

---

# GUNAR

**HAMZA HUMO**

Mi vizitadis ofte Hanaron, homon super homoj kaj aŭskultis liajn rakontojn kaj interparolojn. Apud la rivero Meĝad, antaŭ kabano, kutime li sidis en ombro de palmo maldika kaj, retojn plektante por fiŝoj, parolis al mi :

Tamen se iuj diris — ne mortigu ! — renovigante kvazaŭ Liajn, vortojn mi ĉiuj vivas de morto. Kaj estas unu birdo, Gunar laŭ nomo, kaj ĝi eterne vivas, ĉar ĝi ne vivas de morto. Ĉar sciu, kiu ne mortigas, tiu ankaŭ ne estos mortigita !

En mia frua infaneco mi vidis birdon Gunar, kun fajra vosto kaj okulo kiu penetras en koron. Kaj maljunulo Kalfala ekkaresis min sur kapo kaj diris :

— Hanara, al vi estas donita ke vi sentu eternecon kaj vi estos haltigita duonvoje kiel ankaŭ ĉiuj en nia gento.

Kaj kiam mi kreskiĝis, ili fabeladis al mi rakonton pri birdo Gunar jenan :

Antaŭ longe, antaŭ longe vivis en Ŝama lando dancistino Gunar kaj ŝi estis fama malproksime. Kaj ŝi estis tiel bela ke el homa sango floroj ĝermis post ŝi ; kaj larmojn ploris patrinoj kaj amatinoj.

Kaj la koro de Gunar estis el marmoro kaj la rigardo plena de minaco antaŭ karesado.

— Ŝi estas virgulino el ĉielo — parolis multaj, ĉar ŝia danco estis supertera.

Kaj kiu ajn ŝin ektuŝis, ektuŝis morto lin. Ĉar neniu povis kontraŭbatali al ŝia dezirego.

Kaj Gunar iris de loko al loko kaj nenie noktripozis, ĉar ŝi iris per flugiloj !

Kaj ju pli ŝi dancis, Ŝama des pli brulis, kaj ju pli ŝi dancis, ŝiaj ekmovoj estis des pli proksimaj al vento.

Kaj ŝi dancis antaŭ Allaka, satrapo sangavida, kaj li ektremis de ŝia danco kaj ordonis ke ili ŝin fermu en halojn liajn.

Kaj ili fermis ŝin.

Kaj kiam venis nokto, eniris Allaka en la halojn kaj ĉesigis ŝian dancon kaj subpremis ŝiajn movojn kaj vidis minacon virgulinan en okuloj ŝiaj.

Kaj morgaŭan tagon, estis Allaka malserena kaj laca kaj ordonis ke ili ŝin turmento per malsato kaj rompu la furiozojn en ŝi.

Kaj je surprizo de ĉiuj, ili ekvidis ke Gunar eĉ ne scias pri mangaĵo, nek pri aliaj bezonoj de homa korpo.

Kaj kiam venis tria nokto, eniris Allaka en la halojn kaj ĉesigis ŝian dancon kaj vidis denove minacon virgulinan en ŝiaj okuloj.

Kaj pasadis tagoj kaj pasadis noktoj, kaj en la okuloj de Allaka brulis frenezo kaj ĉiuj tremis antaŭ li. Kaj iumatene, li eliris tute freneziĝinta el siaj haloj kaj ordonis ke oni ekbruligu brulեŝafodon grandan kaj bruligu dancistinon Gunar kaj la furiojn en ŝi. Ĉar, parolis li, se furioj ekregos miajn regionojn, malaŭskultos nin niaj dioj kaj la jaroj estos al ni malbonfruktaj.

Kaj ili ekbruligis bruleŝafodon kaj, je surprizo de ĉiuj, ekdancis Gunar sur ĝi. Kaj kiam ŝin ekkaptis fajro, ebriigis la odoroj ĉiujn ĉeestantojn kaj preskaŭ blindiĝis iliaj okuloj pro brilo tro granda.

Kaj Gunar birdo kun vosto flama, suprenmoviĝis ĉielen, malaperis en altaĵoj.

El la serba : *Dan. Trkulja.*

# BARDOJ KANTAS

## ADIAŬO

*En lasta minuto de nia disiro,*
*Memoras mi, sidis ni tombe silente,*
*Rigardis okulojn kun morta sopiro,*
*Travivis pasinton tre akre kaj pente.*

*Kaj interplektiĝis la manoj subite,*
*Denove eksentis ni nin geamikoj,*
*Kaj larmoj elŝprucis, kaj neatendite*
*En kor' ekaperis trančantaj ekpikoj.*

*Ni tamen ne hontis pri larma trabato, —*
*Ĝi estis ja ĝoj' de l'estonto alvoka,*
*Sopir' pri l'estinto, riproĉo al fato*
*Kaj de l' geamintoj dankad' reciproka.*

*M Solovjev.*

## AL SONJO V... C.

*En val' ektremas flor'*
*Sub kis' de venta spiro.*
*Ĝojkantas birda ĥor'*
*Pri am' kaj amdeziro.*

*Ektremis pro amsent'*
*Anim' en brusto mia,*
*Naskiĝis flamturment'*
*Sub via kis' pasia.*

*Ĝojkantas birda ar'*
*Pri am' en korprofundo. —*
*Sed sanga fluas mar'*
*El malfermita vundo...*

*R. Lucio.*

## AŬTUNAJ AKORDOJ

*Lasta aŭtuna saluto. Sur lago*
*Glite veladas boatoj al bordo.*
*Igos nin mildaj profunde la tagoj,*
*Kiuj forfluas de tiu ĉi bordo.*

*Sole ni iras laŭ altaj aleoj,*
*Dronas ni en la mistera vespero,*
*De sur montaro aromas piceoj,*
*Falas frapsone pometo al tero.*

*Tima birdkrio disŝiras aeron*
*Vibras huante kaj ree ekĝemas...*
*Raŭka veplend' de sovaĝa ansero...*
*Kave la nokto eĥadas... Ni tremas.*

*Stanislavo Zausmer.*

## KORSOPIRO

*Malrapide, tag' senfina*
*Iras for post tag' sen fin'.*
*Ĉu neniam, karulino,*
*Mia kor' retrovos vin?*

*Klare sonas en la strato*
*Gaja rido de knabin':*
*La spirito mia dubas —*
*Ĉu vi jam forgesis min?*

*Nur momenton, ĉar dolĉege*
*Ekaŭdiĝas el la kor':*
*„Amatino ne forgesis,*
*Vin revidas en memor'."*

*Malĝojego, tag' senfina,*
*Pli rapide iru for,*
*Por ke baldaŭ, karulino,*
*Vin retrovu mia kor'.*

*Juul Karnas.*

## ŜI DORMAS

*Silenton! Dormas la trezor'!*
*Subpremis dolĉe ŝin langvor'.*
*Sur vang' en rozkoloroj*
*Burĝonas mildaj floroj.*
*Okulojn ŝiajn fermas mole*
*Palpebra silk-kurten',*
*Sed ride glitas kaj petole*
*La songoj tra l' mien'.*

*Filin', fratino, amatin',*
*Patrino de l' feliĉo!*
*Ho dolĉe estas gardi vin,*
*Atendi je l' vekiĝo.*

*En dismetita blond-harar',*
*En tiu onda, blonda mar',*
*Sub ondoj sunradiaj*
*Nun dormas kisoj miaj.*
*Vidiĝas inter punta kremo*
*De l' brusto roza bril'.*
*For tento' for! Ĝin kun hontemo*
*Mi kaŝas per kovril'.*

*Filin', fratino, amatin'!*
*Patrino de l' feliĉo!*
*Ho, dolĉe estas gardi vin,*
*Atendi je l' vekiĝo.*

*Pri la anĝeloj eta kant'*
*Ŝirata super la dormant'*
*En mian kapon venas,*
*Dancante trapromenas.*
*Por akompan' en mia koro*
*Eksonas mola lir'.*
*Ĉe l' sonoj de la lulsonoro*
*Dormetas la sopir'.*

*Filin', fratino, amatin'!*
*Patrino de l' feliĉo!*
*Ho dolĉe estas gardi vin,*
*Atendi je l' vekiĝo.*

*Silenton! Dormas la trezor'.*
*En sonĝojn lulis ŝin langvor'.*
*La karan ĉirkaŭ buŝo*
*Karesas mi sen tuŝo.*
*Ho kiel dolĉe... kiel strange...*
*En kor'... la prem'... la varm'...*
*Pro kio rulis sin survange*
*Subite gut' de larm'?...*

*Filin', fratino, amatin'!*
*Patrino de l' feliĉo!*
*Ho dolĉe estas gardi vin,*
*Atendi je l' vekiĝo.*

*K. de Kalocsay.*

## DANCANTA ĈEVALO

*Marŝmarŝon diktas la muzik'...*
*„Hura"-on hurlas stratpublik'*
*kaj bravaj knaboj sur ĉevaloj*
*ekrajdas for al mortbataloj*
*Trara! Trara!*
*al mortbataloj...*
*Nun el kvaropo jen ĉeval'*
*ekdancas ritme je signal'*
*kaj vanas brido, vipo, sprono*
*ĝi dancas dancas je marŝsono*
*Trara! Trara!*
*je marŝosono...*

*Marŝmarŝon diktas la muzik'...*
*Freneza ŝturmo, sabropik';*
*sangfontoj fluas, tintas staloj,*
*hura' formortas sur ĉevaloj*
*Trara! Trara!*
*en mortbataloj...*
*En la ĥaoso jen ĉeval'*
*hufrapas ritme je signal'*
*kraniojn rompas, korojn premas,*
*senkapan knabon kun si trenas*
*Trara! Trara!*
*dancante henas...*

*Marŝmarŝon diktas la muzik'...*
*Nun pac' trumpetas — sen efik',*
*militon kaŝas ter' kaj kalko,*
*kolombon tamen pelas falko*
*Trara! Trara!*
*ĉe katafalko...*
*Kutime ja en vivbatal'*
*dancadi kiel la ĉeval'*
*kaj vanas brido, vipo, sprono,*
*ĉar dancas dancas je marŝsono*
*Trara! Trara!*
*la ĉevalhomo...*

*Julio Baghy.*

# PASERO STULTA... KVIT KVIVIT KVIT...

JULIO BAGHY

*Dediĉata al mia amata amiko Nikolao Hohlov*

Frosta artmetiejo. En angulo — mizerfrapita knabineto. En la manoj, ruĝaj pro la frostkruelo, ŝi tremante tenas sukerkorbon. Ŝia timema rigardo saltadas sur la duonpretaj pentraĵoj, senbildaj kadroj. La multflikitan ĉifonŝalon ŝi tirpremedas sur si. Ŝia altrudita trankvilo ripozas, kiam la pentristo forturnas de ŝi sian liniserĉan alrigardon.

— Nur senmove, etulino! Nur senmove! Se vi lacas, diru...

La timhezitaj okuloj jeson palpebrumas. Ŝi komprenis. Triope ni silentas: la pentristo, la modeleto kaj mi. La artisto inspirite laboras. Dubo kaj espero pri la sukceso marteladas en lia brusto. La koreton de la griza modelo ĝojvarmo karesas. Ŝi pensas pri hejtita ĉambro, kuirita manĝaĵo, patrinlaŭdo... Eĉ morgaŭ ŝi devos veni. Dio, se la bildo estus preta — neniam!

Mi ne povas vidi la sinvendantan mizeron, per kiu la plenŝtopita ventro akiras aŭreolojn. Forturnante min mi rigardas tra la fenestro... Jen, la unua neĝo jam falis. Blanka brilo de miliardoj da neĝflokoj konfuzas la vidpovon. Harmonion vekas en la animo tiu ĉi blindiga blankeco. La vaga vento veadas en la kamentubo. Forsttremeto kuras en la membroj. Mi prenas mian pelton, sidiĝas al la fenestro, rigardas la neĝkovritajn tegmentojn, dancantajn telegrafdratojn... Paseroj sidas sur ili.

Nebulo de zigzagaj pensoj alŝvebas je mia cerbo. Songon mi vidas kun strečitaj okuloj. La Vintroavĉjo frapas ĉe la pordo de mia animo, portas fabelojn en sia sako kiel antaŭ longa longa tempo, kiam mia rido ankoraŭ ne maskis korvundojn... La okuloj eklarmas. Doloro pro brilo...

Mia fantazio koketas; la frostan artmetiejon ĝi alifomas — varma hejmo. La ĉifonoj falas de la eta modelo. Antaŭ mi staras kun libroj en la mano — kiel promeso pri bela estonteco — mia filineto. Ŝi flateme premas sin al mi, kisas mian vangon.

— Paĉjo, fabelu ion! Fabelu, kara, ĉar panjo ne scipovas...

Dolĉe muzikas la infanvoĉo... longe... longe... Mi alrigardas. Svelta altstatura virino zorgetadas ĉe la tablo... Jes, la posttagmeza teo... Tuj!... Renkonto al rigardo. Sunradia ĝojo paralizas la sobrecon. Ŝiaj haroj — sunoro, la okuloj — mem la firmamento. En tiu-ĉi profunda bluo iam mi enterigis mian unuan perfiditan amon... Eĉ nun ŝi aspektas tia, kia ŝi estis. La rememorado banas la amatan en fonto de la eterna juneco... La vizio ŝercas. Mi forgesas, ke tiu ĉi virino ne estas — mia edzino. Printempo ridas nun en la aŭtuno kiel iam aŭtuno ploris en la printempo.

— Fabelon vi volas, filinet'? Ĉu pri Ilonjo, la feino aŭ pri la blanka elefanto?

— Fabelon pri la eterna printempo!

La fantazio koketas plu... En la forno bru-bruas la fajrajo. Gia lumo vestas la ĉambron en diafanan ruĝan vualon. Al mia sino apogas sin la infano, sur skabeleto ĉe la piedoj sidas la virino. Du paroj da okuloj kun naiva atendo fiksiĝas je mi.

— Uf! Ekiru, Pegazo! Nub' ĉedorse, nub' ĉenaze, flugu kun mi perpegaze! hip hop, estu mi, kie mi volas!...

Sed hodiaŭ la Pegazo estas tre laca, sintrene trotas sur la vojo de l' Fabellando, ŝarĝon havas sur la dorso. Ĝiajn flugilojn la vivo mem subpremas kaj nun ĝi paŝe amblasstumblas. Kie ĝi haltos — mi ne scias...

* * *

Trans la blua montaro, estas vilaĝeto: modestaj lignodomoj, pimpa lignopreĝejo. Antaŭ la dometoj sidadas blankkufaj avinjoj, grizbarbaj labormuelitaj kamparanoj. La vespera sonorilvoĉo alitone sonas, ne kiel ĉe ni. Ĝi imitas la subfenestran amindumadon de junaj geamantoj.

Ĉi tie okazis antaŭ longa longa tempo, mi eĉ ne memoras kiam, ke la paseroj de la vilaĝo kunvenis por babiladi. Ili sidis sur la telegrafdratoj ĉirkaŭ unu stango. La aŭtuna vento skuis, balancis la dratojn, sed la paserkompanio firme tenis sin. Facile por ili! Ilia prapatro estis fama ŝnurdancisto en la kortego de la Blanka Aglo. Poste li kreteniĝis. La posteuloj heredis nur lian arton kaj senmoralon karakteron. Ili estas la klaĉantoj kaj tromemfidaj ventkapuloj de la birdaro. Ĉiun paserovon ili konsideras strutovo, mortŝikanas inter si la filojn de agloj, okupas fremdajn nestojn. Ŝovinistaj demokratoj aŭ demokrataj ŝovinistoj laŭ dikto de la oportunismo. Jen ili.

Mirinde, nun ili silentis, la kapetojn turnadis al la stangopinto. Tre aĝa, blankveŝta forkvosta hirundo sidis tie. Li estis senforta, lace spiretanta agonianto. Kun vitriĝantaj okuloj li rigardis al sudo. Liaj kamaradoj jam forflugis, eble ili ripozas nun ĉe la unua piramido.

Fi-statura griza pasereto flugis al li. Per bonintenca kvitkvivit li konsolis la orfan forlasiton. La hirundo perokule taksadis la pasereton.

— Eta pasero, vi ja ne povas kompreni kion signifas vidi neniam plu la landon de l' Eterna Printempo.

— Lando de l' Eterna Printempo? Ĉu ekzistas tia?.. Vere, vi hirundoj estas mondvagantoj, vi konas la teron kiel la homoj.

— Eĉ pli bone. La libro de l' naturo ne kaŝas sekreton antaŭ ni. La homoj ankoraŭ ĉiam serĉesploras la „ŝtonon de l' saĝeco".

— Ĉu vi scias, kie ĝi estas?

— Jes.

— Kie?

— Ne estante materio do sur la tero — nenie, en la animo — ĉie, ĉar ĝi kuŝas sur ties fundo. Komprena boneco kaj Direkono estas la ŝtono de l' saĝeco.

— Strange, kaj ili ne trovas ĝin?

— Ne, *ĉar ili ne volas trovi ĝin.* La unuan ili timas pro la egoismo, la duan por ne perdi la tronon, je kiu ili metis sin.

— Mi volonte serĉus ĝin.

— Iom laciga.

— Mi estas juna kaj persistforta.

La hirundo taksadis en si la valoron de la pasero, vidis ardan entuziasmon en la etaj okuloj kaj ekmeditis. La postlasota heredaĵo konsistas nur el sonĝoj, kiujn estus bone donaci al ĉi tiu ĉiutaga animo. Almenaŭ ĝi havu ion, ĉar li estas ja tiom senhava. La sonĝoj plibeligas la vivon.

— Nu aŭskultu! — li decidis. — Konsiderindaj estas tri aferoj.

— Mi estas preta.

— Unue, vi devas lerni la arton de silentado.

— Ah facile! Silenti mi ja bone povas.

— Eraro! Silenti tiel, ke oni pensu vin stulta — ne darfas. Via silento estu signifplena kaj la parolo — enigma.

— Kaj due?

— Trovu la malon de ĉio. Tio gvidos vin al la perfekta ekkompreno.

— Kaj trie?

— Rekono de Dio.

— Ĉu vi konas Lin?

— Li estas la perfekta Sekreto, kiu estras. Por koni Lin vi devas simili al Li.

— Ĉu vi similas al Li?

— Ĉiu estaĵo similas al Li ĝis ne volas egaliĝi kun Li. Posedi Liajn sekretojn signifus nian mempereigon.

La paseroj kunŝovis la kapetojn kaj per laŭta kvitkvivit protestis: parolo sensaĝa kvit kvivit kvit... Ili ĉiuj forflugis. Nur la fi-statura griza pasereto restis. Jam ne scivolo retenis lin... Io alia. Li ne povis bapti la senton, ĝi vivis sennoma.

— Hirundavĉjo, kiel vi opinias pri socio de mia raso?

— Nek socio, nek raso vi estas. Se tiom vi vagados kiel mi, tiam vi ekscios, ke la eksteraĵo estas vesto de la karaktero. Nian socion formas la tuto de la birdoj. Same estas en la socioj de mineraloj, vegetaĵoj, skaraboj, amfibioj, mambestoj kaj la homoj.

— Ĉu inter homoj ankaŭ tiel?

— Nur tiel! Ĉe ili la vizaĝo estas la karaktervesto.
— Kaj se ili portas birdoplumojn?
La hirundo kontraŭvole ridpepetis.
— Demonstracio pri simpatio al la pajlocerba struto aŭ al la vanta paradizbirdo.
Post paŭzeto la pasero ekĝemis.
— Pli bone esti homo ol birdo!
— Multaj homoj dezirus birdiĝi.
— Senprudente, ĉar esti birdo ja ne bone...
— Ĉu ili povas scii kio doloras al ni? Ankaŭ vi ne konas la homajn dolorojn. Iru en la mondon! Suferu, ĉar vi volas vidi kaj suferu, ĉar vi lernis vidi. Doloro estas la majstro de l'animo. Ĝi estas ĉiam sama, nur la kaŭzo pruntas al ĝi falsan nomon. Se multe vi suferis pro la vido, tiam al la ŝtono de l'saĝeco kondukos klara vojo. Ĝin faros luma *via memo*, kiu sen trotakso estimas sin, kaj via komprena kompato, kiu hontigas neniun, sed respekton akiras.
— Ĉu mi trovos ĝin?
— Jes, sed atentu, ĉar en larmoj de sinkompato fortiĝas la egoismo, kiu polvigas la ŝtonon de l'saĝeco... Nun ekflugu!
— Kiudirekte?
— Alsude! Kie la maro bluas pli ol la ĉielo; kie gondoloj glitas super la ondoj, mandolino lulas, geamantoj amflustras — tie estas la pordo de la Printemplando...
La pasereto ordiĝis sian plumaron, ekflugis alten. Ankoraŭ unu lasta adiaŭkvivit kai li malaperis ĉe la suda horizonto... La blankveŝta forkvosta hirundo lacrigide agoniis plu... Frosto kaj vento forpuŝis lian kadavreton de sur la stangopinto...

La pasero flugis super kampoj, montoj. Se dumvoje li haltis por ripozi, tuj ĉirkaŭsidis lin la vilaĝaj paseroj. Li rakontis pri sia vojo, pri la lando de l'Eterna Printempo, pri la ŝtono de l'saĝeco. Ili aŭskultis, sed ĉe la fino juĝis pri li eksplodanta mok-kvivit: pasero stulta kvit kvivit kvit...! Neniam plu li rakontadis. La senklerulo estas nekredema, per mokrido maskas sian stultecon.
Foje la vesperiĝo atingis lin ĉe urbo. Vento balais la polvon de la stratoj. Tien-reen li flugetadis de tegmento al tegmento, ĝis fine trovis ŝirmejon en forlasita hirundnesto. Ekdormis... Laŭta kvit-kvivit vekis lin. Urba pasero, dikkapa kaj grasa, saltetadis sur la nestorando.
— Kvit kvivit, impertinentulo, vi okupas fremdan hejmon. For el mia nesto!
— Permesu ripozon! Daŭre mi flugis, daŭre mi flugos...
— De kie vi venas?
— De la blua montaro, kie pacemaj homoj loĝas en la lignodomoj kaj sur la kampo pompas lekantetoj. Via nesto estas komforte granda, permesu ripozon!
— Pacemaj homoj, lignodomoj, lekanteto... Ah, pasero stulta, kial vi forlasis vian hejmon? En la urbo ni tre mizere vivaĉas, nutrajo mankas kaj ni fastas.
— Vi ne aspektas trofastanta...
— Vi eĉ insultas?! Ci stulta vilaĝa pasero, for... for!
— Indulgu min!
— For el mia nesto!
Li kolere blovis sin kaj elpuŝis la pasereton, pepantan por dumnokta ripozo. La laca migranto spiretante flugis sur ornamfiguron de pordego. Antaŭ la pordego staris senĉapele, almozpete du mizeruloj. Unu estis ostvanga pala knabo, la alia — sortmuelita kadukulo. Ili mute etendis la ĉapelojn al la frake vestitaj alvenintoj, kiuj preterkuris ilin. Uf, uf al la balĉambro!... Aŭtomobile vojaĝanto ne rimarkas la truon sur ŝuo de piediranto. Nur kelkaj modpasinte kostumitaj gastoj faligis kompatgroŝojn en la ĉapelon de la knabo.
En la domo muzikis la *„ĝis tombo ni ne mortos!“*, sur la strato ploris la *„nenihavo“*. La ostvanga pala knabo kalkulis siajn groŝojn, poste turnis sin al la samsortano, kiu apatie rigardis en la ĉapelon. La knabo ĵetis la duonon da sia almozajo en la helpkriantan ĉapelbuŝon... Ili dudirekten iris for.
La pasereto miris. Strange... strange... Li estis ankoraŭ tro juna por scii, ke la kompato, helpemo estas nur en la trezorejo de mizeruloj. Li cerbumadis, ek-kaj ekstreĉis sian etan menson kaj poste ekdormis.
Ankoraŭ eĉ ne krepuskis, kiam la migranta pasero denove ekflugis. Ankoraŭ la urbo sonĝis en sia nerva dormo, kiam li preterflugis la trian vilaĝlimon. Apenaŭ ripozante li flugis tri tagojn, tri noktojn.

Dum la kvara mateniĝo jen surpriza panoramo elnebuliĝis sub li. Foliaro verdis sur la arboj, centkoloran flortapiŝon havis la kampo... Nur pluen!...
Super arbara erikejo li ŝvebis. Meze rapidkura rivereto fluis.
— Necese ripozi... mi trolaciĝis — li pensis kaj alteriĝis sur arbetajon.
Alaŭdo kantis ĉe la nublimo. La paserkoron plenigis nekonata sento.
— Kvit kvivit kvit, belege vi kantas... kvivit kvit, nu ankoraŭ iom!
La bardo de la birdoj per subita larĝa spiralo flugis sur najbaran branĉon, kompateme pepetis.
— Pasero, flikvesta pasereto, ĉu delonge vi flugas?
— Jes, de la blua montaro.
— Laŭfame mi konas ĝin.
Paŭzeto. La pasero timeme, respektplene komencis la parolon.
— Vi estas poeto, kantu pri mia patrujo!
— Poeto je mendo versfari ne povas.
— Via plumaro estas griza, eble eĉ pli ol la mia.
— Eĉ la grizeco brilas. Ĝi estas kiel la kruda diamanto. Facetu ĝin kaj iĝos brilianto.
— Mi aŭdis, la poeto portas multkoloran veston, frangbutonan kapornamon.
—Pri histriono vi parolas. Verdire, inter ili estas bagatela diferenco. Ambaŭ donas la plej valoran de sia memo. La poeto vagabonde mensogas; la histriono mensoge vagabondas. Jen!
— Mi ne komprenas. Kiu estas do poeto?
— Kiu vidas en la nenio kaj preterkuras la realon; manĝas fiktivajojn kaj miras, se lia stomako murmuras.
— Stranga difino... sed mi rememoras, hirundavĉjo diris: la parolo estu enigma... Kiel vi faras?
— Mi ludas kiel infano. La penso estas sapveziko. Mi blovas ĝin. Ĝi ekflugas, kolore brilas kaj krevas, se trograndiĝis. Ne domaĝe, mi blovas ĉiam pli novan.
La pasero enprofundiĝis, la alaŭdon tedis la silento.
— Kien?
— Mi serĉas la landon de l' Eterna Printempo kaj la ŝtonon de l' saĝeco.
— Revemulo... ankaŭ mi serĉis ilin.
— Kaj vi ne trovis ilin?
— Ne.
— Verŝajne ne ĝustan vojon vi sekvis. La unua situas en fora sudo, la dua nestas en fundo de la animoj.
— Mi serĉis ambaŭ en la animoj. Mi trovis Eternan Vintron kaj — silikon... Ne perdu esperon! Mi ne estas saĝulo. Post vesperiĝo vizitu la saĝulojn de la arbaro.
— Kiuj ili estas?
— La gufoj.
— Kie ilia loĝejo?
— Trans la erikejo sur rokpinto en la kastelruinoj. Laŭ propra aserto ili estas la doktoroj de *l' ĉioscio.*
— Mi timas ilian mokon.
— Saĝulo mokas nur saĝulon. Ĉiu diras la samon kaj estas tiom naiva, ke post ŝanĝo de la vortĉifonoj li pensas: jen ankaŭ la senco aliiĝis.
— Vi estas bonvola al mi, donu konsilon!
— Min opiniante bonvola vi petas konsilon, sed ĉu vi ne pensus min malica post la konsildono?
— Kion vi konsilas?
— Nenion, ĉar mi komprenas vin. Vi malsatas kaj estas enamiĝinta... Naiva vilaĝa pasero vi estas.
— Jes.
La pasero sinforgese reve rigardis antaŭ sin. La alaŭdo deflanke palpebrumis al li, lia beketo milde klaketis.
— Naiva pasero vi estas... pasereto...
— Jes.
— Tamen vi estas bela. Ne laŭplumare, sed laŭanime. Vi ne estas por tiu ĉi mondo... vi pasero... vilaĝa pasereto...
— Jes.
— Je sonĝoj vi flugas, sopiras la scion, sentas kaj silentas... vi naiva pasereto...
— Jes.
— Ĉu mi kantu?... Nu aŭskultu!

# BARDOJ KANTAS

## KANTETO POR ***

*Dumtage kaj dumnokte*
*pensadas mi pri vi,*
*kaj ĉiam via bildo*
*ŝvebadas antaŭ mi.*
*Min ĉie persekutas*
*turmenta la ĥimer':*
*la vivo sen vi estas*
*por mi pli ol infer'!*

*Vagante tra la kampoj*
*dum paca la vesper',*
*relegas mi tuŝate*
*leteron post leter'.*
*Mi revas belajn revojn*
*kaj vane pensas mi:*
*ho, se amata mia*
*nur estus tie ĉi!*

*Dolorojn, ĝojojn, zorgojn,*
*partigus ĉiujn ni;*
*la vivo: paradizo*
*sur tero estus ĝi.*
*Kuraĝe laŭ la dorna,*
*malglata vivovoj',*
*kun esperplena koro*
*marŝadus ni kun ĝoj'!*

*Sed estas nura revo*
*ĉi tia idili',*
*kaj kun doloro mia*
*nur sola restas mi...*
*Sed via bild' eterne*
*profunde en memor'*
*gardata restos, ĉarma*
*reĝin' de mia kor'!*

*Jan van Schoor.*

## AUTUNO

*Aŭtuna suno min ĉirkaŭas ame.*
*Venteto zumas. Velkas for folioj...*
*Sen ĝenoj, sen sopir', sen plendokrioj,*
*Kaduka maljunul', mi velkas same*

*La koro juna, sed la korpo lame*
*Sin trenas sub karesaj sunradioj,*
*De vivovip' batitaj sulkostrioj*
*Ekvundis frunton jam fatal-orname.*

*La koro juna?... Hah! Mensog-aserto!*
*Ĉu povas pie juna kor' toleri*
*Velkadon de l' deziroj, sonĝoj, revoj?..*

*Konvinki cerbon povas nur la certo,*
*Ke sen ribel' bezonas hom' suferi*
*Pro nekonataj, trudaj vivodevoj.*

*Ella Korb.*

## KIAL?

*Vi povus esti plej proksima,*
*Sed vi malvarme iras for,*
*Kaj ekposedas min senlima,*
*Neesprimebla kordolor'.*
*En vi mirinda estas forto*
*Redoni min al viv', al ĝoj',*
*Sed io (Di'? Diablo? Sorto?)*
*Forigas vin de mia voj'.*
*Kaj jen, restinte tute sola,*
*Infane ploras mi sen fin'...*
*Ho, kial, kial vi ne volas*
*En vian koron preni min?*

*Georgo Deŝkin.*

Sun' rakontis al stelaro,
al la tero — firmament',
la sekreton en arbaro
al mi flustris varma vent',
la sekreton pri la dio,
kreoforto, reĝpotenc',
kion portas en si — ĉio,
ĉar ĝi estas senc', esenc';
semo, ĝermo, vivovarmo,
zorga varto, arda flam',
sinofero, rido, larmo...
*Dio estas: mem la am'.*

— Dio estas amo... tiel vi diris... ĉu ne? Hirundavĉjo alimaniere klarigis... Dio estas la perfekta Sekreto...

— Bone, bone... sed la kanto... ĉu ĝi plaĉis al vi?

— Se Dio estus nur sento kaj nenio pli, tiam...

— Sed la poemo?... Ĝi estis bela... ĉu ne?

— Bela... bela, sed diru, mi ne komprenas... se Dio estus... se nur sento, kiu...

La alaŭdo kun silenta kolereto rigardis la grizan migranton, kiu tiel ofendis lian poetan vantecon. Antaŭ la forflugo li aljetis riproĉe: — Tamen vi estas nur stulta vilaĝa pasero!...



Argentradian sonĝon kribris la luno. La arbaro mutiĝis. En denso de arbetaĵoj ekbrilis miliardoj da steloj. Lanternoj de la arbaro: lampiroj. La birdoj trankvile spiretante ripozis kaj la kunplektiĝinta foliaro varte gardostaris dum ilia dormo.

Duboj turmentis la paserkoron, ili ŝancelis la firman fidon. Ĉu vere ne ekzistas la lando de l' Eterna Printempo, nek la ŝtono de l'saĝeco? Kaj Dio? Ĉu Li estus efemera sento? Ĉu efektive li flugpelas nur fremdajn sonĝojn?... Naiva pasereto, li ne sciis, ke oni oferas sin ĉiam por fremdaj sonĝoj.

Novajn vortojn portis la noktmeza vento. De la rokpinto venis alvoko kante ondiĝanta.

„Huhuhuu! huhuhuu...! Kompreni misterojn signifas: vidi en la nokto senstela. En taglumo erarvagantoj, venu al ni kaj vi estos vidantoj!"

La gufoj, la saĝuloj de la arbaro vokis lin. Jam li estis ekflugonta, kiam novaj duboj vekiĝis... Se eĉ tiuj mensokonfuze mensogos? Vanteco de saĝulo kaŝas en bombastoj sian nescion.

La vento ree portis al li la alvokon... Lia koreto treme frapetis. Ankaŭ li bezonas lumon por vidi... klare vidi... vidi... Forflugante li ne aŭdis, ke sur supro de betulo lamente grakas multjara korvo: gra!... gra!... vane!... vane!

Sur rokpinto staris la fortikaĵruino. Tra la embrazuroj, oscedantaj fenestro-aperturoj filtriĝis la lunradioj. Ŝajnis, kvazaŭ inter la ruboj dancus minueton la reviviĝintaj praŭloj. Ombrofiguroj ritme riverencis, kliniĝadis... La gufoj.

Monstre granda plumorela gufo sidis en la mezo. Ĉirkaŭ li dancis la minueton trupo de gufoj, strigoj. La pasero singarde flugis sur kornicon, tiris sin en la ombro, atendis... aŭskultis...

La granda gufo legis surkrustan skribon. Sur krusto de arboj estas skribo: hieroglifoj de la Tempo. La aliaj atentis, nur unu korpulenta vesperto embarasis senĉese la silenton de la scivolo.

— Demando: kio plikuras, ombro aŭ lumo? Onidire ili egalas, ĉar ombro kaj lumo kune aperas. Tamen, kie lumo estras, samloke la ombro forestas, ĉar lumo ne havas ombron, ombro lumon ne. Sed kiu scias? Se ombro antaŭas, tiam lumo sekvas kaj ombro de l'ombro estas lumo; se lumo antaŭas, tiam ombro sekvas kaj jen — la lumo havas ombron. Sed kio ili estas esence? Ĉu materio aŭ optika trompaĵo? Kapti ilin — neeble. Se ne materio, kiakaŭze ni vidas ilin? Ĉu optika trompo? Se jes, tiam trompiĝo de okuloj naskas ilin kaj ekzistas nek ombro, nek lumo. Jen pruvo: la ombro por ni lumas, la lumo ombron donas.

— Via stulta saĝo bone imponas... Jen, la sola fakto. — rimarkis sarkasme la vesperto.

— Silentu, saĝa stultulo! Ni do komencu la diskuton...

— Ĉe la fino vi komencu por esti tute proksima al komenciĝo de fin' de l'finoj!

La paseron tedis la vortbatalo. Obtuza doloro peziĝis je lia cerbo. Kun timema kvit-kvivit li salutis la saĝulojn de la arbaro.

— Kvit kvivit! Mi venis al vi.

— Kiu vi estas?

— Pasero de la blua montaro.
— Via deziro?
— Mi serĉas la ŝtonon de l' saĝeco kaj la landon de l' Eterna Printempo.
La gufetoj longe interkonsilis kaj fine unu el ili ekparolis.
— Posedi la ŝtonon malfacile, ĉar aksiomo estas ĝi, kiun nur saĝulo povas trovi.
— Ĉu vi posedas ĝin?
— Memkompreneble! Egoismo nutras sin per altruismo... Jen!
— Ne trafe... ne trafe! Aŭskultu la mian! — kriis strigo el iu angulo. — En egoismo estas la forto.
— Tute fuŝite! Jen la mia! — fanfaronis unu gufeto — La forto mem estas egoismo.
— Sufiĉas! — dignoplene ordonis la granda gufo. — La ŝtonon de l'saĝeco havas — mi. Ĝismorte mi posedos kaj vane vi serĉos aliloke.
La vesperto malice ekrikanis.
— Paserelo, la ŝtonon tiu havas, kiu mistifikas sin pri ties posedo. Simile agu kaj vi ne devos serĉi plu.
— Kaj la lando de l' Eterna Printempo? — kuraĝperdinte pepetis la pasero. — Ĉu mi trovos ĝin?
La granda gufo aŭgurtone deklaris.
— Se tiel senprudente vi flugos plu, baldaŭ vi alvenos.
Momenta teruro paralizis la koron de la pasero.
— Ĉu mi devas morti?
Muteco respondis. Eĉ la rikanema vesperto silentis, sole la teruro tamburis en la eta koro. Li ekŝanceliĝis pro la penso, sed obstine denove ripetis.
— Ĉu mi devas morti? kaj tiam mi trovos ĝin?
Plenblovis sin la granda gufo kaj la okulojn turnante al *la plej nigra punkto* de la plafono piatone respondis.
— De kie venas *tiu blindiga helo,* tie estas la lando de l' Eterna Printempo. Surtere ne. Graco de Dio donacas tion.
La vesperto ironie kaŝridadis.
— Jen la lasta forumo, kiu maskas vian limigitecon.
— Kaj kio estas Dio?
La pasero faris sian lastan demandon. La vesperto difinis.
— Por homo — senkorpa tirano; por birdo — senflugila aglo: suvereno, kiu estas ĉie kaj nenie, vokite ne venas, neatendite vizitas.
— Sufiĉas! — kriis la plumorela gufo. — Ne aŭskultu lin! Dio ekzistas, ĉar Li estas diskutata.
El la vesperto senbride eliĝis la mokrikano kaj longe nehaltigeble ridaĉis. La eta pasero trompite ĉirkaŭrigardis.
— Verŝajne mi vojperdis. Mi venis en groton de rabistoj. Vi prirabis min, forprenis miajn sonĝojn, kruele montris, ke la tero estas dezerta kaj la ĉielo — malplena...
La gufo restis konsekvence rigida filozofo.
— Kiu nutras sin per steloj, povas fariĝi kontenta, sed satigita neniam.

,— Trafite! — aprobis unuafoje la vesperto. — La scivolo estas manĝema kaj fine forglutos eĉ sin mem... Pasero, vi plaĉas al mi. Por konsilo vi venis, mi donos ĝin. Vivu kiel papilio finĝuanta la unutagan vivon. Jen la signo, kiu klare deklaras la du ekstremojn: grandiozecon de la kreo kaj atomecon de la ekzisto.
La pasero silentis. Lia rigardo terurite fiksiĝis al la plumbinoklaj gufokapoj. Ili ŝajnis nudaj kranioj, de kiuj la manoj de la Morto jam forkaresis la karnon, kaj nun ili senkompate rikanas el ombraj profundoj de le ŝimaj anguloj... En kripto li estas kaj ili estas mortintoj, timantaj la lumon, la sunbrilon, la vivoveron. Nur la luno vidas ilian dumnoktan fantomadon... Lian timon forpelis subita emociiĝo, en kiu renaskiĝis lia fido. Kortuŝite li adiaŭis.
— *Vi ja ne vivas... kompatindaj mortintoj...*
La pasereto forflugis kaj la grandkapaj gufoj kapbalance konstatis: „pasero stulta... vilaĝa pasereto..."
Densa fulgodora nebulo sterniĝis dise. La griza migranto flugis al sudo... Sur supro de betulo la korvo lamente grakis: gra!... gra! .. vane!... vane!

Jam la kvaran fojon ridetis la aŭroro, kiam la pasero rimarkis en la fora bluo grandan akvon. La sonĝo komencis efektiviĝi. Jen la granda akvo: la maro, blua kiel la ĉielo. En lia animo jam vibris mandolinsonoj.
Kiam la ardanta sundisko estingiĝis en la maro, li alvenis al insulurbo. Lando de mirakloj. Inter mil rebriloj de iluminitaj fenestroj naĝis la luno sur la akvo. Muziko. Torĉoj. Lampionoj. Aklamaj barkaroloj. Glitas gondoloj... Mandolinsonoj kaj sinforgesaj geamantoj... feliĉo... printempo... multe... tre multe da printempo... Jen, li alvenis.
— Kvit kvivit kvit Kvit kvivit kvit!!
Li flugis al gondolo, senbrue glitanta. Muskola forta knabo solene manipuladis la remilon. La gondolo estis nigra, ĝian lampon vualis nigra tulo. Funebre vestita virino ploregis super florkronita ĉerko.
La pasero flugis sur la ĉerkon kaj subite la ĝoj-kvivit haltis en la gorĝeto, la flugiloj inertiĝis. Doloro kunpremis la paserkoron, fatala trompiĝo. La funebra vidaĵo rompis lian tutan energion... La knabo rimarkis la birdeton, provis fortimigi, deflugigi lin, sed la laca migranto estis mizere senforta kaj eĉ movi ne povis sin.
Subita furoro ekflagris en la knabo. Riĉan mortinton li portas hodiaŭ, oni bone pagis kaj krome sekvos la trinkmono... Per la remilo li puŝis la birdeton en la maron.
— Eĉ la homan funebron ci ne respektas!... Pasero stulta.
Formorta ve-kvivit kaj la ondsaŭmoj kunfrapiĝis. Sur la nigra gondolo la muskola forta knabo solene manipuladis la remilon...

* * *

Finita la fabelo. Kun mieno de trompiĝinto rigardas mia filino. Mi karesas ŝiajn vangojn.
— Nu ĉu plaĉis al vi la fabelo?
— Plaĉis... plaĉis,... sed diru, paĉjo, ĉu la knabo ricevis multe da trinkmono?
Pardondona dolora rideto kurbigas miajn lipojn. Kompreno estas rikolto de la animo. Mi ne havas bonŝancon. Mi fuŝsemadis. Sed ne... ne tute... tiuj larmoj en la okuloj de la virino kompensas la avaran rikoltaĵon... Ŝi ame, tre konsente premadas mian manon... longe... longe...
... kaj mi ekskuiĝas. La pentristo staras antaŭ mi. Mia mano en la liaj kaj li kompate rigardas min.
— Kial vi larmas?
— Nenio... nur la neĝo... la neĝo konfuzis mian vidon..
— Jes... mi scias... la neĝo. Nu venu kaj trinku tason da teo.
Daŭra ĉirkaŭrigardo de vekito... En la forno vere brubruas la fajraĵo. En angulo la eta modelo trinkas teon. Ĉe la tablo sidas nova alveninto: knabino flavhara, frivole ŝminkita. Kun mucida rideto ŝi koketas al mi, ŝiaj okuloj kuraĝigas min je kelkhora amo...
Animala furoro vekiĝas en mi. Perpugne mi volus bati, forpeli kaj kruele piedpuŝadi ĉi tiun senmoralan, ĉi tiun aĉan... *kompatinde mizeran mortinton.* Mi forturnas min. Antaŭ mi — denove la eta modelo. Dum la trinko super la poteto ŝi ŝtelrigardas al sia kolegino. Venena envio vekiĝas en la juna animo. Sinkompate ŝi turnas tien-reen siajn stangetformajn brakojn, krurojn. Tiu alia laborgajnas pli, oni bone pagas al ŝi, verŝajne la pentristo amas ŝin. Estus necese grasiĝi... grasiĝi... grasiĝi...

— Trinku vian teon! Rumo enestas, nur sukeron metu!
Somnambule mi sidiĝas al la tablo, gutglutadas la varmegan flavan akvon. Mia rigardo sen vido preterkuras la objektojn, miajn pensojn okupas la vizio, la fabelo kaj realeco de la vekiĝo: la du modeloj.
Mi rememoras pri mia infano, pri mia trijara filineto, kiun la vizio montris tiel bele evoluinta. Ŝi estas mia sola konsolo, celo de mia luktado en la vivo kaj heredanto de tiuj pensoj, sentoj, kiuj abundas en mi. La trezoro de la idealistoj similas al la sunlumo; ĝi vivigas, sed kapti ĝin — neeble... Dolora penso monstriĝas en mia animo: se ankaŭ ŝi devus perdi sian infanan purecon por plilongigi sian ekziston, se ankaŭ ŝi... Ne! Ne! Neeble! Mi marĉandas kun la sorto, mi levos barikadojn kontraŭ miaj ribelaj sentoj, katenojn mi forĝos je miaj sopiroj... Mi rememoras pri ŝia buklohara kapeto, vidas ŝian stelokulojn, aŭdas ŝian arĝentsonoran paĉjovokon kaj la decido maturiĝas en mi... Jes, ĉion por la infano... ĉion por mia filineto... El fora sonĝomondo averta mokpepado kvivitas: pasero stulta, kvit kvivit kvit... naiva pasereto, kvit kvivit kvit...
Feliĉa spito ŝveligas mian bruston, ĉar mi fine trovis vivocelon. En la valon de la levitaj barikadoj mi enterigas sopiron, sentojn, rememorojn, ĉion, ĉion nur pro ŝi... sole pro ŝi... kaj mi ne rimarkas, ke sur la fenestrokorniĉo de la artmetiejo nun vojperdinta korvo grakas: gra!... gra!... vane... vane!
— — — — — — — — — — — — — — — — ...
Ĉio ĉi okazis antaŭ longaj jaroj... La belo forpasas; la kriplo restas kaj fariĝas pli monstra... Rompitaĵojn de frakasita sonĝo mi provas kundrati kaj mi scias jam, ke la korvo grakis — *la veron.*

# GENIA IDEO DE FRAŬLINO HELENJO

JARMILA HASKOVA



Ĉar doktoro Pokorny estus bonega bofilo, invitadis lin sinjoro Tomaŝek en la familion.

Fraŭlino Helena klopodadis ĉiumaniere, ke al doktoro Pokorny plaĉu ĉe ili, kaj doktoro Pokorny klarigadis al si ŝian klopodadon per sia amuziga rakontado pri psikaj malsanoj.

Li venadis al Tomaŝekidoj tre volonte, ĉar fraŭlino Helena aŭskultadis pacience kaj kun intereso, se li parolis aŭ pri paralizo, hipoĥondrio, piromanio, dipsomanio aŭ pri cirkulara psikozo kaj ŝi satigadis lin per kuketoj, marcipanetoj, kringetoj kaj verŝadis en lian glaseton vinon ruĝan aŭ blankan. Li meniam atentis prezon de la trinkita vino nek nombron de la manĝitaj kuketoj, marcipanetoj, kringetoj, krakenetoj kaj li certe estus tre mirinta, se li estus povinta rigardi en notlibreton de sinjoro Tomaŝek, kie rubriko „Kiom ĉe ni manĝis kaj trinkis doktoro Pokorny" sumiĝis jam proksimume je tri mil kronoj.

Kiu ne malatentis jenajn tri mil kronojn, estis sinjoro Tomaŝek, kiu ilin elspezadis, registradis kaj adiciadis kun firma espero, ke tio ne estas mono tra fenestro eljetita.

„Kara Helenjo", diris sinjoro Tomaŝek dum antaŭvespero de tridek kaj ioma naskiĝtago de Helenjo, "mi festos vian morgaŭan naskiĝtagon per malgranda familia festeno, al kiu mi krom ambaŭ onklinoj invitos ankoraŭ doktoron Pokorny. Ĉar jam la tuta urbo komprenis, kiaj honestaj intencoj kaj sentoj kondukas doktoron Pokorny en nian hejmon, estas via tasko, ke vi fine montretu al li, ke liaj prokrastoj estas sencelaj kaj ke la morgaŭa familia festeno povus esti samtempe festeno de via fianĉiniĝo."

„Kara paĉjo", respondis fraŭlino Helenjo, „facile vi parolas. Mi komencis jam de ĉiuj eblaj flankoj, sed Pokorny estas ligno, efektiva ligno. Mi estas konvinkita, ke li venas al ni sole por botelo da vino, kaj se anstataŭ mi sur la seĝo sidus mia surda praavino, li rakontus al ŝi pri melankolio, fanatismo, aŭ impulsivaj faroj kaŭzitaj pro psikaj afektoj ĝuste tiom arde, kiel li rakontas tiom al mi."

„Kara Helenjo", diris sinjoro Tomaŝek glacie, „doktoro Pokorny formanĝis kaj eltrinkis en mia hejmo tri mil kronojn. Eĉ se mi juste konsentas, ke li por tio informis vin, min, patrinon, kaj ambaŭ onklinojn pri psikaj malsanoj, pri ĝiaj kaŭzoj, sekvoj kaj kuracado, li pagis per tió nek unu centonon da sia konto, ĉar tiujn konojn ni povis same bone akiri el la populara verko de profesoro Heveroch „Pri mirinduloj kaj homoj atentataj". La libron, elektran lumon kaj ĉambran hejtadon dum tempo bezona por studi jenan libron mi taksas sume je tridek kronoj. Se ni do subtrahos de doktoro Pokorny liajn sciojn pri psikaj malsanoj kaj malnormalecoj, restas al ni juna viro, kiu ĉe ni finmanĝis kaj fintrinkis du mil naŭ cent sepdek kronojn. Kio min koncernas, mi faris en afero de doktoro Pokorny mian devon koncerne vin. Mi atendas, ke vi diligentos por fari la devon, kiu koncernas vin mem. Mi preparos botelon da ĉampano por okazo, se ni volus saluti vin, kiel gefianĉojn".

Sinjoro Tomaŝek ekrigardis severe sian filinon kaj fraŭlino Helenjo komprenis, ke li atendas de ŝi energian decidan atakon.

*

Ambaŭ maljunaj onklinoj aperis precize je duono de la tria. Je la tria horo venis doktoro Pokorny kaj je kvarono de la kvara li paroladis pri frenezeco duopa. Helenjo supozis, ke tio estas signo elĉiela.

„Sinjoro doktoro", diris ŝi kun la rideto plej dolĉa, „ĉu verŝajne ankaŭ la amo estas frenezeco duopa?"

„Gravas, kion vi nomas amo, fraŭlino. Se vi pensas per tiu vorto certan psikan staton korespondantan kun certa stato korpa, rilatantan taŭgan aĝon . . ."

„Certe, mi pensas la amon, kiu kondukas al edziĝo, sinjoro doktoro", diris Helenjo, decidinta batali por vivo kaj morto. „Mi pensas jenan belan senton, per kiu la koro regas la intelekton kaj kiu donas al ni iluzion pri feliĉo absoluta."

„Vi uzas malĝuste la vorton iluzio. Mi volus scii, kiel vi priskribus al mi iluzion de feliĉo, kiun ni scias, ke iluzio estas falsa percepto pro impulso el ekstero. Iluzio estas, se ni ekzemple vidas en duonlumo blankan staturon anstataŭ arbusto. Laikuloj ofte intermiksas iluzion kaj halucinacion, kvankam diferenco inter ili estas tiela, kiel inter oranĝo kaj farunaĵo. Plenigu mian glaseton, fraŭlino! Dankon. Se iu vidas blankan staturon en malpleno antaŭ si, jen la halucinacio. Tio estas tiel klara, kiel la du kaj unu estas du!"

„Tri, sinjoro doktoro."

„Nu do tri. Neniam mi estis bona kalkulanto, sed tio ne gravas. Esti kalkulanto ne estas ankoraŭ signo de psika kapableco. *Falret* citas iun duonfrenezulon, kiu sciis kalkuli datojn de naskiĝo kaj morto de ĉiu glora viro . . ."

„Tio ne apartenas al aritmetiko sed al historio, sinjoro doktoro," aplombis unu el la onklinoj.

„Iu estas bravulo koncerne datojn historiajn, iu koncerne lingvojn. Rimarkindan memoron muzikan vidigas, fraŭlino Helenjo, kelkaj idiotoj. Kyros, reĝo persa, konis parkere nomojn de siaj 30.000 soldatoj, kaj se vi demandus lin hodiaŭ, kiel oni distingas neŭrastenion heredan de neŭrastenio akirita, li estus *pa*."

Fraŭlino Helenjo rigardis malespere siajn onklinojn kaj onklino Elizabeta rapidis helpi al ŝi. Ŝi faris atakon sentiman kaj subitan, kiu estus je honoro eĉ de Napoleono.

„Mi miras," diris onklino Elizabeta, „ke vi, sinjoro doktoro, estas ankoraŭ fraŭlo. Ĉe via talento, kapablecoj kaj sukceso estas efektiva peko, ke vi ĝis nun ne fondis familion, por heredigi vian eminentan spiriton al venontaj generacioj."

„Vi aludas," respondis doktoro Pokorny, „la heredecon, sen kompreno, moŝta fraŭlino, ĝian oftecon ĉe psikaj malsanoj. Hodiaŭ ni povas ĝoje konstati, ke kvardek kvin el cento da psikaj malsanoj estas klarigeblaj per grava hereda difekto. Neŭrastenio, hipoĥondrio, ĥoreo, malnormalaj karakteroj, malsanula krimemo, seksa perverseco, drinkemo, idioteco, epilepsio . . . !"

„Ĉio ĉi estas bela," daŭrigis onklino Elizabeta, „sed se du homoj amas sin reciproke, tio estas la plej bela afero, kiu povas ekzisti, ĉu jes, Helenjo?"

„Jes," diris Helenjo, ruĝiĝis kaj donacis al doktoro Pokorny tre molan rigardon.

„Mi konsentus kun vi," respondis la psikiatro, „se ĉiuj homoj vidus en amo kaj edzeco efektivan sencon de la vivo, kaj se ne geedziĝus ankaŭ tiuj, kiuj estas ŝarĝitaj per malsanoj nervaj aŭ psikaj. Ĝi ja ne povas esti malgrava, se disvastiĝas degenerado aŭ per tio, ke mi naskas infanojn kun personaj psike malpli valoraj aŭ en stato de ebrieco, kaj se mi sentas pro tiela naskado neniun respondecon . . ."

„Kaj tamen," diris onklino Ana venkante sian virgulinan hontemon pro amo al Helenjo, „la infanoj estas feliĉo de la familio kaj laŭnatura deziro de ĉiuj normale pensantaj junaj homoj maturaĝaj."

„Iru ni en ĝardenon por momento, estas sufoke tie ĉi," diris Helenjo, „iru, kara doktoro!"

„Nu tio ja estas genia ideo," diris onklino Elizabeta stariĝante de la kanapo.

„Ĝi estas," diris doktoro Pokorny, „ideo bona, sed ne genia. Genia estas tia momenta originala ideo, el kiu naskiĝas nova penso."

„Bone," diris fraŭlino Helenjo, „mia ideo tamen estas

genia, ĉar ĝi estas momenta kaj originala kaj naskanta novajn pensojn. Vetu kun mi, sinjoro doktoro!"

„Kion, fraŭlino Helenjo? Mi vetas, ĉar vi estas homo mezkvalita, kaj mezkvalita homo povas nenion originalan krei."

„Ni do vetu nian liberecon, se vi malgajnos vi estos mia kaj se malgajnos mi, mi estos via.

„Bone," respondis doktoro Pokorny. „Multaj genioj similas per sia verkaro al psikaj malsanuloj, ĉar genioj kaj idiotemuloj havas unu komunan signon: originalecon."

Ili eniĝis en la ĝardenon kaj dum la onklinoj paŝis maldekstren, kondukis Helenjo doktoron dekstren.

„Nu," diris doktoro Pokorny, „en kio konsistas laŭ via opinio genieco de via ideo?"

„Mi diros al vi, kolombeto," diris Helenjo, ĉirkaŭprenis la kolon de la doktoro, pasie algluiĝis al li kaj fajre kisis lian buŝon. „En tio, ke mi vin petas preni min kiel edzinon, ĉar mi ne povas vivi sen vi kaj sen viaj paroladoj pri psikaj malnormalecoj."

Doktoro Pokorny milde karesis ŝiajn harojn, ĉirkaŭprenis delikate ŝian talion kaj kondukis ŝin tiel al sinjoro Tomaŝek. Dum sinjoro Tomaŝek preparadis al si vortojn, per kiuj li benos ilin, diris doktoro Pokorny: „Via filino, fraŭlino Helenjo, estas afliktita de erotomanio. Mi transdonas ŝin provizore en vian hejman flegadon. Estante amiko de via familio mi prizorgos ŝian akcepton en instituton. Ĝi estas stato kuracebla kaj klarigebla per aĝo de la fraŭlino, ĉar periodo de klimakterio donas ofte impulsojn por psikaj malsanoj."

„Kaj tiu ĉi skandalo kostis tri mil kronojn," diris unu horon poste sinjoro Tomaŝek.

El la ĉeĥa: *Stan Kamaryt.*

# LA VOJO

L. TUGAN-BARANOVSKIJ



Frua printempo. En kelkaj lokoj ankoraŭ blankas la neĝo. Sur la arboj jam krevas la burĝonoj.

Mi eliras larĝan vojon, ĉe kies flankoj estas de iu plantitaj jarcentaj kverkoj. La vojo komence estas rekta sed en malproksima distanco ĝi kurbiĝas kaj mi ne vidas ĝian finon. Ĉirkaŭ mi, kvazaŭ en nebulo, mi vidas amason da homoj. Kune kun mi marŝas miaj gepantroj, parencoj... Mi observas, kiel pene, apogante sin per bastono, novas la piedojn mia maljuna avo.

— Avetĉjo, kial vi ne volas ripozi? — mi demandas.

Sed la avo ne respondas, li nur montras per sia bastono antaŭen, kvazaŭ volante diri:

— Mi ripozos tie!

Miaj piedoj estas freŝaj, mi jus eliris sur la vojon, mi estas juna, mi preterpaŝas la parencojn kaj iras antaŭ ili... Survoje mi renkontas konatulojn, amikojn... Mi estas ĝoja kaj mi iras ĉiam antaŭen, ne returnante la vizaĝon.

Jen mi atingas la vojkurbiĝon. Mi rigardas malantaŭen. Jam malpli multaj parencoj min ĉirkaŭas; mi serĉas inter ili mian avon, sed mi ne trovas lin.

— Kie estas la avo? — mi demandas.

Mia patro alpaŝas al mi, montrante per la mano direkton antaŭen kaj diras:

— Marŝu antaŭen!

Kaj li mem iras flanken lasas la vojon kaj malaperas post la ombroriĉaj antikvaj kverkoj.

Mi vidas apud mi knabinon. Ŝi ion diras. Mi sentas ke mi ŝin amas, sed kiam mi volas diri al ŝi tion, ŝi kun rido foriras de mi, marŝante antaŭen, kaj mi vidas ŝin pli kaj pli vualitan de nebulo. Mi rigardas malantaŭen . . . Forestas jam la parencoj. La bela, bela suno lumas de la serena ĉielo; la kverkoj ĉe la vojflankoj vestis sin per bela malhela verdaĵo; mi marŝas nun ĉirkaŭita de amikoj. Mi iras ne haltiĝante, mi ne estas laca kvankam mi jam multe tramarŝis kaj la gepatra hejmo, el kiu mi eliris, jam malaperis malproksime. La vojo fariĝas pli mallarĝa, ĝin kovras sablo kaj ŝtonoj, la marŝado estas malfacila...

Ĉe mia flanko, apogante sin al mia brako, nun marŝas virino, kiun mi amas kaj kiu amas min. Mi ne vidas jam multajn malnovajn amikojn, la novaj vizaĝoj anstataŭis ilin.

Sed subite renkonte al mi hurlas ventoturno kaj pelas min forte for de la vojo, al la maljunaj kverkoj. Mi scias ke mi devas lukti, ke mi ne devas min kaŝi post la kverkoj, sed la vento estas pli forta ol mi. Ankoraŭ unu paŝo kaj mi estos devigata flankiĝi de la vojo... Miaj amikoj detenas min kaj helpas al mi eliri sur la vojmezon. Mi ree marŝas antaŭen.

Jen, nova vojturno... Mia kunulino metas la manon sur mian ŝultron kaj diras:

— Adiaŭ.

Ŝi foriras de mi kaj malaperas post la densa foliaro. Mi volas ŝin sekvi, sed mi komprenas ke mi ne devas tion fari, mi scias ke mi devas ankoraŭ marŝi.. Kaj mi iras ĉiam antaŭen...

Jam forpasas la somero. Ne tiel hele lumas la suno, la folioj flaviĝas la vojo pli mallarĝa kaj mi rekontas sur ĝi ĉiam pli multe da ŝtonoj kaj sablo... Kaj tre malmultaj estas la restintaj amikoj... Mi laciĝas, sed du junuloj subtenas min kaj kondukas min antaŭen...

Venas la aŭtuno. Flanke de unu el la junuloj nun marŝas virino, apoginte sin al lia brako... Ĉirkaŭ mi flugas flavaj folioj, la suno plu ne varmigas, mi tremas pro frosto, mi sentas laciĝon, sed la vojo ankoraŭ ne havas finiĝon.

— Permesu al mi sidiĝi tie, ĉe la piedo de tiu kverko! Mi estas laca, mi deziras ripozi — mi diras. — Kiel brave paŝas la aliaj, mi ja ne povas kunsekvi ilin.

Sed ia voĉo parolas al mi ke mi ne devas ankoraŭ ripozi kaj kun penego movante la piedojn, mi marŝas antaŭen...

Jen la unua neĝo... La vento fluge disblovas ĝin... Ĉu ĝi venis por ĉiuj, aŭ nur por mi sola?

La vojo fariĝas vojeto, plenblovita de seka, frosta neĝo. La nudaj kverkoj staras per longaj spaliroj. La krepusko falas kaj mi sentas ke mi ne povas iri plu, ke venis mia tempo por ripozi.

Pli kaj pli mallume estas ĉirkaŭ mi.

Jen nova vojturno... Mi ne povas elteni plu. Kelkaj lastaj, malcertaj paŝoj kaj mi lasas la vojon...

La mallarĝa vojeto malaperas kaj kun ĝi miaj kunirantoj, ĉio miksiĝas en la nebulo.

Kaj subite mi vidas en malproksimo... ke forestas la neĝblovo, la nebulo... Vivportanta lumo brilas de tie!

Mi vidas novan larĝan vojon, senfinan serpenton da homoj... Inter ili mi rimarkas la konatulojn jam tre proksimajn al mi... mi vidas la parencojn, amikojn...

Ili movas sin laŭlonge de tiu larĝa vojo, kiu altiĝas ĉiam pli supren por fine perdiĝi en la blua sentino.

Kaj mi sentas, mi komprenas, mi scias ke tie komenciĝas mia nova, nekonata vojo!

El la rusa *N. Hohlov.*

## F A B E L O

A. V L A H U T A

— Sinjoro, ho igu fluganta la tempon, ke ĝi forpasu pli rapide, miaj vivjaroj fariĝu nur tagoj kaj ĉiu taglongo: nur unu momento...

— Sinjoro, barante per kluzo la tempon — faru pli milda ĝian flugadon, miaj momentoj fariĝu tagdaŭraj kaj ĉiu tago longiĝu je jaro...

Tiam Disinjoro decidis fari provon.

— Vidu, kion mi pensis, Petro. Vi ja scias, ke sur la tero la homoj ĉiam estas malkontentaj pri sia vivo. Mi ricevas ĉiuspecajn petojn, kiuj eĉ min konfuzas; ĝuste ĵus, dum unuj petis, ke mi pelu la tempon pli rapide, mi aŭdis aliajn, kiuj insistis, ke mi bridu ĝin, kaj mi laŭeble malrapidigu ĝian pason por ili. Por pacigi ilin, ni donu do al ĉiu la saman vivdaŭron kaj ni decidu, ke tio estu — laŭ la homa tempkalkulo — milo da jaroj dividitaj je monatoj, kiujn ĉiu homo estru kaj administru laŭ sia plaĉo... Petro ne komprenis. Malfermegis la okulojn kaj rigardis scivoleme.

— Mi vidas, ke vi ne komprenas.

Kaj Disinjoro ridetis. Gravece li enŝovis sian manon en la sinon kaj eligis libron.

— Jen, diris Disinjoro, tie ĉi estas tiom da folioj, kiom da tagoj estas en milo da jaroj. Sur ĉiu folio estas 24 partoj — la horoj; ili defalas per si mem, kiel aŭtune la foliaro, kaj ili falas unu post alia de horo al horo. Neniu potenco en la mondo povos malhelpi aŭ prokrasti ilian faladon. Ĉiu homo povos dum unu fojo deŝiri el sia vivo kiom ajn da horoj, tagoj aŭ jaroj li volos, kaj por ke li havu de kie — mi donos al li mil jarojn...

— Sed tiam, Sinjoro, la infano povos maljuniĝi dum momento...

— Ne, Petro, mi pensis pri tio; neniu kapablos ekpeli sian vivdaŭron nur post la 18-a jaro...

Kaj dum Disinjoro parolis, la folioj de l' kalendaro rapide deŝiriĝis kaj estis disĵetitaj kvazaŭ de uragano, ĉar niaj jarcentoj estas nur momentoj en la ĉielo.

— Mi scias, kion vi volas diri al mi... la homoj tiome plimultiĝus, ke ne plu sufiĉus por ili la tero. Ne havu zorgon. Loko estas abunde... neniam estos sufiĉe da homoj por ĝin plenigi. Nun ekiru Petro, ne perdu la tempon iru kaj pacigu ilin. ...Kaj tiel okazis, kiel diris Disinjoro.

* *

Ne nur plankoj de la malliberejoj, kazernoj kaj hospitaloj — sed la domoj kaj stratoj ĉiuj estis neĝkovritaj per blanka foliaro rapide ŝirita el la kalendaroj de l' vivo. Estis vera furoro por malŝpari la tempon kiom eble pli rapide... La soifo pri nekonato, senripoza sinpelado post momento da pleja feliĉo, neniam plenigebla malpleno de la homa koro, ĥimero, neniam atingota, kiu de mil jaroj logas kaj sorĉas nian pensaron, pli forte, ol kiam ajn, akcelis la momentojn de l' vivo... „Pli rapide, pli rapide", jena estis ĉies krio.

* *

Belega feino vestita en blanka ridetas, vokante... kaj ĉiuj kun brakoj etenditaj kuras post ŝi, por ŝin kapti, — post ili papilioj nigrigas la lumon: folioj ŝiritaj el Libro de l' vivo.

„Ho haltu feino eterne benata, returnu al ni vian mildan rigardon, kaj metu barilon al niaj doloroj!"

Sed ĉiuj timtremas, kiam *ŜI* ekhaltas. Ŝi kisas la fruntojn per lipoj malvarmaj, dormigante la doloron, ĉar la bela feino eterne benata — ja estas la morto.

* *

Tok, tok, tok — sur la paradiza pordo.

— Mi laciĝis ŝirante foliojn... En la surtera kvieto kaj en la tempo disblovita: la misio plenumiĝis. Malfermu al mi sankta Petro.

— Sed kiu vi estas?

— Mi estas la Malpacienco...

El la rumana *Tiberio Morariu.*

## O B S E R V O

ROMAIN ROLLAND (1886)

La 29-an de januaro, li estis sesdekjara. La tuta mondo festis tiun tagon kaj salutis lin, la apostolon de l'amo kaj paco.

Jen lia vivovojo. Li devenas el burĝa familio malnova. Post profundaj studoj, li iĝas profesoro de muzikhistorio en la Sorbonne. Dum vojaĝo en Italio, lia verkista talento vekiĝas. Iom post iom, li iĝas sendependa kaj sin dediĉas nur al la efektivigo de siaj planoj. Subite li iĝas tre konata kaj ricevas la Nobelpremion. Sed nun, ni eniru en la arbaron de liaj verkoj. Vera arbaro! Multbranĉa, sana, pura kaj refreŝiga fortodona. Lia unua periodo ampleksas serion de dramoj, en kiuj jam ĉiuj liaj problemoj enestas. La unuaj: S-ta Ludoviko, Aert, klopodas anime fortigi Francujon post la „Debacle" (panika fiasko). La aliaj havis kiel celon, starigi veran popolteatron kaj — arton. Ilia problemo estas la tragika konflikto inter konvinko kaj devo, ilia temo la franca revolucio kaj la heroo: la heroo de la konscienco. Li estas la sola heroo en la senco de Rolland, kiu ĉiam venkas, eĉ en la morto, almenaŭ spirite. En la monumentalaj freskoj de la revolucio („La 14-a de Julio" „Danton" ktp), Rolland forjetas la malaltan realecadoradon de la naturalismo kaj en vivofebro ardantaj vortoj suprenlevas la preskaŭ falintan standardon de la eterna idealismo. Ne gravas la materio, nur la animo; nur unu libereco ekzistas: tiu de la spirito. Por tiel alta instruo la epoko de la francaj adultkomedioj ne estis ankoraŭ matura kaj la vokanta voĉo restis sen eĥo. Tiam — kvazaŭ por pruvi la pravecon de sia kredo — la poeto vizitas la heroojn de l'historio. En biografioj — kiuj ne sciencan precizecon celas, sed animan altiĝon — li pentras al ni la vivlaboron de Beethoven, Miĥelanĝelo, Händel, Tolstoj. Inter ili, lia koramato estis Beethoven, jam depost la infaneco. La tragika kantisto surda de l'ĝojo lin instruis akcepti la vivon, akcepti la suferon kaj per jesado ĝin venki. De Tolstoj li ricevis donace la veramon kaj la adoradon de la konscienco libera, la admonon al ĉiama helpemo. Krom tiuj esprimoj de l'danko, li skizis la portreton de multaj komponistoj.

La plej perfekta enkorpiĝo de liaj idealoj estas tamen Johan' Kristofo la heroo de lia samtitola romano. La dek volumoj al ni tiom karaj, ĉu ili estas „romano"? Jes kaj ne. La verko estas vere romano de edukado en la senco de Goethe, historio de l'tempo laŭ Balzac, evoluhistorio de artisto, kiel la „Verda Henrik" de Keller. Sed samtempe ĝi estas pli multo: monumentala epopeo de la mondo antaŭmilita, la juĝo de l'poeto pri ĉiuj ideoj, klopodoj de l'nuntempo, pri socio, nacio, internacieco, pri arto kaj politiko; ĝi estas universala verko kaj persona konfeso, sed antaŭ ĉio: superhoma provo: doni firman kredon. — Apud ĉi tiu laŭdo de la soleca homo sonoras ankaŭ la kanto pri solidareco kaj fratiĝo, ĉar la heroo nin helpas ja per sia aktiva boneco kaj ekzemplo. Kiel naskiĝos la Nova Homo? Tion montras la vivo kaj evoluo de la genia komponisto germana, Johano Kristofo en alegorio. La idealo kreiĝos el la sana, profunda sento germana, se ĝin la sagaca menso franca gvidos kaj ilin ambaŭ kiel ora kadro itala harmonio unuigos kaj ornamos. Komenciĝis la mondmilito kaj en la uragano vanis la feliĉa rido de „Colas Bregnon" (Romano 1913). La revanton de paco kaj lumo malamo kaj mallumo ĉirkaŭis. Sed li kiel vera heroo, ne timiĝas. En sinforgeso vere die freneza, li deklaris la militon kentraŭ la milito. Memkompreneble: vane. Tiam li volas almenaŭ mildigi la teruran mizeron de l'homoj kaj jen: la plej granda poeto de nia tempo eksidas ĉe skribotablo de la „ruĝa kruco" kaj laboras por la militkaptitoj dum longa tempo. Apostoleco. La turmento transformante sin terura grimaco naskis la satiron kruelan: „Liluli." Sekvis la romano Clerambault („historio de libera konscienco dum la milito") kaj „Pierre kaj Luce", idilia rakonto. Poste la suno reaperis kaj Rolland kiel brava semanto tuj eklaboris plenforte. Li daŭrigas la serion de revoluciaj dramoj per „La ludo de amo kaj morto," komencas novan romanon „L'animo ensorĉita," etendas helpantan manon al la subpremataj hindoj per la biografio „Mahatma Gandi", observas kaj helpas ĉiun progreseman movadon, inter ili ankaŭ la esperantan. En fervora laboro lin trafis la nuna jubileo.

Ne estas nia tasko, taksi la valoron de lia arto kaj ni eĉ ne kapablus tion. Li estas tro proksima al ni kaj tro amata. Nia tasko estas nur: sekvi lin kaj ami kaj danki lin por ĉiuj donacoj ricevitaj. Por la verkoj kaj la esperdona ekzemplo heroa de lia sintenado dum la milito, kiam li estis — meritante la belegajn vortojn de Stefano Zweig — : „la konscienco de l'mondo."

*Karlo Lovasi.*

# BIBLIOGRAFIO

## KATALUNA ANTOLOGIO

*Kompilita de Jaume Grau Casas, Barcelona 1925. Paĝoj: 416 Prezo: 15 pesetoj*

Impona libro, brila rezulto de multjara persista laboro de katalunaj esperantistoj. Sen troigo estas aserteble, ke *Jaume Grau Casas* per sia komplilaĵo donis la unuan perfektan antologion al nia literaturo. Tio ne signifas, ke la aliaj fariĝis malpli valoraj aŭ meritas riproĉon de la kritiko. Tute ne. Simple mi konstatas, ke tiu-ĉi verko havas individuan stampon de konscia kompetentulo, kiu penetris ĝis fundo de sia malfacila tasko, forviŝante la karakterizajn mankojn de maŝina kompilado kaj donante lingvosciencan bazon al la verko. Li nenie parolas laŭ frivole fanfarona tono pri tio, kio estas sanktaĵo antaŭ la plimulto, sed tamen lia brava kuraĝo sentime aperigas antaŭ la leganto la historion de popolo, pri kiu ĝis nun multaj sciis preskaŭ neniom. Ĉio volita estas dirita objektive, bibliografie. Nur en la Antaŭparolo kaj biografiaj partoj ardas la flamo, kiu rajte postulas respekton kaj simpation por popolo vivivolanta, sed tio okazas sen ofenda atakemo.

La libro estas abunda fonto de klasika beleco. Pli ol 50 verkistoj, poetoj kun pli ol 140 prozaj kaj versaj verkoj pledas elokvente por siaj lingvo kaj popolo. Detale recenzi ilin neeble. Nur koncizaj frazoj povas doni koncepton pri grandiozeco de tiu ĉi verko.

*I-a Antaŭparolo. La kataluna lingvo.* En tiu-ĉi parto kronologie estas pritraktata la historio de la lingvo, ĝia strukturo kompare al la lingvoj hispana, franca, itala, esperanta, informante pri la teritorio, kie ĝi evoluis kaj estas nuntempe parolata — kaj fine la disvolviĝo, kiu promesas belan perspektivon por la estonteco.

*La kataluna literaturo.* Dokumentaj pruvoj, pri originoj, vicigo de periodoj, en kiuj abundas interesaj historiaj, biografiaj priskriboj. Fine sekvas enkonduka parolo al la *„Kataluna Antologio“* kun bibliografia aldono pri antologioj de katalunaj aŭtoroj; studoj pri la lingvo kaj ĝia literaturo. Jen la unua parto, kies enhavo eĉ por momento ne enuigas la leganton, ĉar nevole estas sentate, ke tio necesas por taksi laŭvalore la verkon mem.

*IIa Antikvaj aŭtoroj.* Kvazaŭ ĉirkaŭprenus nin mezepoka atmosfero. Malgraŭ tio, ke la nuntempeco de Esperanto iom malfaciligas reprezenti arĥaikan stilon, tamen la donitaj fragmentoj vekas plenan iluzion.

*IIIa Popolkantoj.* Originala praforto de la popolanimo karakterizas ilin. Baladoj, kanzonoj, spicitaj de superstiĉo, sentemeco, naiva ĉarmo kaj sincera larmo. La aldono de muziknotoj akcelas sukcese la valorrekonon de tiu ĉi parto.

*IVa Modernaj aŭtoroj.* Vera surprizo atendas la leganton. Trezorejo de literaturamanto, kiu laŭguste povas elekti el artaĵoj de nevola konkuro, kie ĉiu verko laŭdas per perfekteco sian majstron.

Gratulon meritas ĉiu kunlaborinto, sed ĉefe *Josep Grau Casas* la frato de la eminenta kompilinto. Lia laŭdinda aktiveco multon helpis al la belega entrepreno. La eldono estas luksa, inda al la enhavo kaj espereble el nenies biblioteko mankos la libro, kies posedo signifas veran pliriĉiĝon.

*Jobo.*

## TALVIURHEILUA SUOMESSA — VINTRA SPORTO EN FINNLANDO

*Eldono de Kustannuscoakeyhtiö Otava Helsinki. Prezo ne montrita.*

Ses lingva bela albumo pri vintraj sportbildoj el Finnlando. La sesa lingvo estas esperanto. La esperanta teksto estas klara, preskaŭ senerara. La eldono modela. Oni devus atentigi ĉiujn similajn eldonejojn, ke la multlingvajn albumojn oni eldonu sen plia kosto ankaŭ kun esperantaj tekstoj. La trarigardo de tiu ĉi kajero estas ĝuo. *V. N.*

## DEKSEPA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.

*Esperantista Dokumentaro. Eldono de Internacia Centra Komitato de la Esperanto Movado, Geneve.*

Necesa kaj grava dokumento enhavante la protokolojn kaj raportojn de la ĝeneva kongreso 1925, en formeto de la antaŭmilita Oficiala Gazeto. La daŭrigo de tia dokumentaro estas rekomendinda. Eble oni povus eldoni similan pri literatura statistiko kaj aliajn kun dokumentoj kaj statistikoj pri la instruado de Esperanto en lernejoj, uzo en radio, ktp. *V. N.*

## MAX BUTIN: ESPERANTO-LEITFADEN FÜR DEN KAUFMANN.

*Deutsch-Esperanto Bücherei Nr. 8. Eldonejo Ellersiek & Borel G. m. b. H., Berlin kaj Dresden, 1926. prezo RM. 1.*

Oni povas gratuli la germanlingvanojn pro tiu bonega komerca faklernolibro laŭ modelo de simila angla eldono. Ĝi estas bona daŭrigo de komencaj studoj speciale por komercistoj, oficistoj, industriistoj, ankaŭ por komercaj kursoj. La esperanta teksto estas modela kaj oni deziras nur, ke ĉe estontaj eldonoj jam enestu ĉiuj komercaj, bankfakaj, kontoraj ktp. fakterminoj en la vortara parto. *V. N.*

## F. PIZZI: EN LA MONDON VENIS NOVA SENTO.

*Eldono de la Centra Komitato de Itala Katolika Esperanto-Unuiĝo. — Venezia, Italio, Campiello Fenice 1924. Prezo: Lira 2.*

Tiu ĉi 23 paĝa broŝuro komenciĝas per poemeto verkita en dekunusilabaj versoj, sen rimoj, pri la „nova sento.“ La enhavo, la ideoj entenataj estas altenflugantaj, profundaj, atentindaj, eterne veraj. Kelkaj estas fiksindaj aparte. Ankaŭ en la katolikaj kantoj la enhavo gravas, ne la simplaj versoj, kies rimoj ofte estas nur gramatikaj finiĝoj aŭ sufiksoj, — ne uzata de niaj majstro-poetoj. La plej flua, laŭstile plej valora estas la proza „Psalmo,“ en kiu nur la ne oficialaj vortoj kiel: „Mizerikordo“ (kompato) kaj „karito“ povus eble manki. *V. N.*

## KURSA LERNOLIBRO,

*laŭ praktika parola metodo. Kunmetis Dro Edmond Privat. 6-a eldono. (23—30. miloj) 78 paĝoj. Prezo: 0.80. R. M. Ellersiek & Borel, Berlin.*

Populara kursgvidilo bonsukcese uzata de la tuta mondo. La verko laŭdas sian aŭtoron. Ni ĝoje salutas la sesan eldonon. *kis'.*

## KARLO,

*facila legolibro, de Edmond Privat, kun antaŭparolo de Marie Hankel. 9-a eldono (31—40 miloj). 46 paĝoj. Prezo: 0.50. R. M. Ellersiek & Borel, Berlin.*

Kvankam ĝi estis nomata „facila legolibro“, ni trovas en ĝi delikatstrukturan romaneton, kiu kun ĉarma naiveco kaj bonhumoro pritraktas la vivadon de junulo. *kis'.*

## HUNGARAJ RAKONTOJ,

*(Esp. Bibl. Intern. no, 23.) Verkis Ferenc Herczeg, trad. A. Panajott. Dua eldono (4—6 miloj) 48 paĝoj. Prezo: 0.40. R. M. Ellersiek & Borel, Berlin.*

Lerte elektitaj kvar noveloj de la hungara romanverkisto kaj novelisto ankaŭ eksterlande bone konata. La noveloj riĉkolore pentras la provincan vivadon en Hungario. *kis'.*

## GALERIO DE ZAMENHOFOJ.

*Kolektita de Edvardo Wiesenfeld L. K. 40 paĝoj kaj 19 portretoj. Eld.: Heroldo de Esp. Horrem bei Köln.*

La libreto konatigas la vivadon de personoj, kies intima rilato al la Majstro havis grandan influon al kreiĝo de Esperanto. El la vivhistorio de ĉiu Zamenhofa familiano respeguliĝas komuna karakterizilo, kuntenanta forto, kiu ekvivigis la ĝermon de la mondideo: trasento de la „Homaranismo“, batalemo por la packonkordo. La ĉapitroj redonas vivofidelan portreton aparte de ĉiu familiano. Ĉe la fino ni trovas 19 artajn fotografaĵojn.

El la antaŭparolo ni citas la jenan: „La reciprokaj influoj ĉe l'familianoj estas tiom grandaj, ke por plene kompreni iun ajn el ili, estas tre utile ekkoni la tutan familion.“

Al ĉiu Esperantisto ĝi meritas esti varme rekomendata. *kis'.*

## INFORMILO POR JUNAJ ESPERANTISTOJ.

*Eld. Esperantista Junularo, A. Neupert, Leipzig—Möckern, Weldstr. 17. 48 paĝoj. Prezo: 1 leterafranko eksterlanda (aŭ .025. R. M.)*

Mallonga informilo de T. E. A. J. (Tutmonda Esperanto—Asocio Junulara.). Organizo, nomaro de ĉefdelegitoj kaj grupoj de T. E. A. J. *kis'.*

## ESPERANTO KURSO FINNA

*kunmetis: Vilho Setälä. 48 paĝoj. Prezo: 2. M. finnaj. Eldona A. S. Otava, Helsinki.*

Facila lernolibro kun finnlingvaj subnotoj kaj ilustraĵoj. Uzebla ankaŭ por aŭtodidakta lernado. *kis'.*

